XXIIª jaro. Nº 312—313 (8—9) ☆ Monata ☆ Aŭgusto-Septembro 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

**Simpla abono** . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
**Kun la membreco de UEA** . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.50 Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO



## Nia XXVIII-a en Edinburgh.

Nia Dekoka Universala Kongreso en Edinburgo estis samnombra kiel la Deksepa en Genève kaj bonege sukcesis en ĉiuj rilatoj. Pro tio ni kore danku al la lokaj organizantoj: S-roj Page, Warden, Tullo, Harvey kaj iliaj fidelaj kunhelpintoj. Elektante S-ron Page kiel sian prezidanton, la kongreso prave honoris samideanon, kies lojala fideleco kaj kora homeco ofte inspiris multajn amikojn ĉirkaŭ li. Tion ankaŭ sentis nia Centra Komitato elektante lin konstantan konsilanton kaj UEA sian vic-prezidanton. Nia movado bezonas tiajn idealistojn, kiuj kunigas la praktikan saĝon de l' blankaj haroj kun juna varma koro.

La nova generacio de l' esperantistoj prave malŝatas kaj forigis la troan kutimon de reciproka gratulado, sed tio ne devas forgesigi aŭ malhelpi la sinceran esprimon de danko al tiuj homoj, kiuj dum la tuta jaro dediĉas sindone kaj modeste siajn tutajn fortojn al nia movado anstataŭ riĉiĝi en komerco aŭ sekvi ian karieran ambicion. Ni do kore danku niajn fidelajn laborantojn sur la internacia kampo, S-ron Hans Jakob, direktoron de UEA, S-ron Robert Kreuz kaj S-ron Andreo Ce, ĝeneralan sekretarion kaj sekretarion de Centra Komitato, kiuj havis aparte malfacilan jaron.

La unua estas la malfeliĉa financa ministro de nia movado. Li devas administri malgrandajn sumojn kaj ilin valorigi en grandajn per zorga ordemo kaj atentema organizado.

La dua ĵus komencis efektivigi la konstantan kontakton inter niaj naciaj societoj kaj la internacia centro. La tutan tagon li akurate kaj senlace majstras amasan korespondadon, ĉiutage pli vastan. La kvarlingva bulteno de C. K. pri la progresoj de Esperanto estas lia tre ŝatata kreaĵo. La tria zorgas pri la buŝa kontakto kaj vojaĝas kiel vera apostolo de Bukureŝti al Kopenhago kaj de Edinburgo al Sofja, ofte malkomforte kaj tre laciĝe. Ĉiuj tri meritas nian sinceran dankemon.

Nia deziro estas, ke ni povu baldaŭ doni al ili pliajn helpantojn, junajn kaj fervorajn, oferantajn sian tutan tempon al nia afero kaj pretajn veturi aŭ restadi ie ajn kie Esperanto bezonas viglan helpon. Ni ne forgesu danki ankaŭ la malavarajn subtenantojn de UEA kaj korespondantojn de Centra Komitato, kiuj kuraĝas fari ĉiujare oferon por subteni la agadon de nia centro. Jam 80 samideanoj akceptis elekton kiel korespondantoj de C. K. La antaŭvidita cento estos esperebla baldaŭ atingita.

Se ni resumas ĉion faritan depost la milito, ni povas ĝoje konstati, ke nia movado retrovis sian fortecon, kreis sian organizon, gajnis konsideron ĉe la publika opinio kaj sukcesis oficialan rekonon de la lingvo per interŝtata institucio. Tio estas bona bazo. Nun venas la tempo ĝin valorigi. Disvastigi la uzadon de Esperanto kaj progresigi ĝian instruadon, jen la nunaj taskoj. En ambaŭ ni preferu ĉiam la kvaliton al la amplekso.

*Edmond Privat*



# XVIII-a Universala Kongreso de Esperanto

Edinburgh, 31 Julio ĝis 7 Aŭgusto



## Edinburgo



Edinburgo potence logis al si tiun ĉi jaron la esperantistan popolon, kaj efike. Ne nur per la promeso de bonege organizata mondfesto tradicia, sed ankaŭ per unike bela urbo, rava lando kaj vojaĝo, ĝentila popolo ŝatinda kaj koninda, kun aro da interesaj specialaĵoj naciaj.

Milo da samideanoj el 36 landoj sekvis la vokon kaj alveturis el diversaj direktoj de l' maroj. La plimulto, kompreneble, el la brita regno, sed la kongreso havis bonan internaciecon pro aroj da alilandanoj, inter kiuj deksep usonanoj, naŭ japanoj kaj eĉ pluraj novzelandanoj.

La longan veturon rekompencis ne nur la beleco de la vojaĝo mem, ne nur la bonega vetero, unu el la ĉefaj fieraĵoj de la L. K. K., laŭdire privilegio rezervita en Skotlando nur por gravaj solenaĵoj, — sed ankaŭ kongreso en unike bona kaj perfekta organizo kaj plena de momentoj profunde emociaj.

Oni konstatas, ke ne vane pasas la jaroj, ĉar tra ili nia movado, nia sankta afero bone progresas. Ĝi gajnas de jaro al jaro pli kaj pli da popolo. Ĝi uziĝas pli kaj pli vaste. Kreiĝas, vivas tradicioj jam. Gajniĝas novaj, notindaj pozicioj. Atento de gravaj faktoroj kaj personoj de l' socia vivo al ĝi direktiĝas.



S-ro *W. M. Page*
Prezidanto de la Kongreso

La lingvo mirinde funkcias, servas al amuzo, servas al studado, servas al reciproka ekkono, interŝanĝado de spiritaj trezoroj, kunligas en amikeco kaj frateco. Stariĝas respektinda kursaro universitata, kie eminentaj sciencistoj aplikas la lingvon, jam ne por eksperimento, sed en la serioza rolo de klerigado; edukistoj rimarkas la potencon kaŝitan en la komuna lingvo kaj ekuzas ĝin en la plenumado de sia misio levi la homaron al pli homeca nivelo.

La periodo de l' ignorado kaj mokado ĉesis. Dum veturo tra la landoj, en la urbo de l' kongreso, oni rimarkas atenton kaj respekton. Ĉefa ĵurnalo de Skotlando, iam ignorema kaj eĉ malamika al ni, nun dediĉas al nia kongreso surprize favoran ĉefartikolon. Grava paŝo estas jam farita. Fruktoj de multjara laborado, fruktoj de pasantaj kaj ankaŭ por ni laborantaj tempoj.

Inter la kongresanaro regas plena kontenteco. Ŝataj kaj sekvindaj novaj aranĝoj estas: la dissendo de bonega kongreslibro jam kelkajn semajnojn antaŭ la kongresdato kaj bela insigno rajtiganta al senpaga veturado per la urbaj tramoj kaj aŭtobusoj.

En la britaj havenoj la alvenintojn afable helpadis sindonaj Delegitoj de UEA, kaj la loĝigo okazas en bona ordo kaj kontentigo. Centsesdek kongresanoj havas pensionon en la granda Mastruma Lernejo, proksime al la kongresejo.

La kongresejo gastiĝas en la belaj kaj komforte aranĝitaj konstruaĵoj de la Skotlanda Eklezio (Kunvena Halo kaj Nova Kolegio). Tie funkcias la Sekretariejo, Akceptejo, Poŝtejo, Monŝanĝejo, Vendejo ktp. laŭ la malnova kutimo.

La kongreso okazas sub la patronado de la Duko de Connaught, la Urbkonsilantaro de Edinburgo, Urbestroj de Glasgovo kaj Sheffield kaj longa vico da britaj eminentuloj de la scienca kaj socia vivo.

Jam dum la sabato (31 Julio) okazis kunsidoj de I. C. K. kaj K. R. kaj vespere la tradicia interkoniĝa kunveno en la kongresejo, laŭ invito de la Skota Esperanto-Federacio kaj Edinburga Esperanto-Societo. Malsame al la ĝisnuna kutimo tiu kunveno havis riĉan programon de kantoj kaj deklamoj. Cetere, dum la kongreso estis tre multa kantado komuna, laŭ la brita kutimo. Ĵus aperinta kantaro, lerte kompilita de sinjoro M. C. Butler, havigis al la kongresanaro riĉan kolekton da tre lerte tradukitaj aŭ verkitaj kantoj, plejparte de sinjoro Butler kaj de la ĉiam vigle gaja amuzisto sinjoro Harrison Hill, unu el la plej plej popularaj figuroj de Britlando.

En la kongreso reaperis multaj konataj malnovaj pioniroj kaj je ĝenerala ĝojo kun ni estis ankaŭ la ŝataj filinoj de la Majstro: fraŭlinoj Sofia kaj Lidja Zamenhof.

Sur la serenan kaj ĝojplenan atmosferon ĵetis ombron tamen la bedaŭrata foresto de la ŝatata gvidanto D-ro Edmond Privat, sen kiu ĝis nun ne okazis kongreso. Ĵus suferita grava malsano tenis lin for de la rondo de liaj amikoj kaj

estimantoj, kies bedaŭro kaj simpatio multfoje esprimiĝis dum la kongresaj tagoj. Tamen, en la ferma kunsido oni povis havi la plezuron aŭdi lian voĉon el gramofono, prezentanta komentarion de la „Preĝo sub la verda standardo“

Dimanĉe matene la Katedralo de S-ta Giles estis loko de grava kaj bela solenaĵo: diservo kaj dediĉo de la fine en preso aperinta ĉefverko de la vivo de Zamenhof: la traduko de la tuta Biblio. Hon. s-ro pastro Graham Bailey el Londono plenumis tiun honoran taskon per prediko brila, ne nur pro la eleganta lingvo, sed ankaŭ pro la elektitaj altaj ideoj, konvene mezuritaj al la okazo. Longe devis atendi la esperantistaro la aperon de la Biblio kaj nun ni ĉiuj sentas ĝojan dankemon al la sindonaj gesamideanoj, kiuj per mondonaco kaj laboro ebligis la presigon.

Post la diservo la kongresanoj per specialaj tramoj ekskursis al la Skota Zoologia Ĝardeno por pasigi tie agrablan tagon. Vespere okazis koncerto en la Synod Hall. La programo konsistis el kantoj kaj deklamoj en Esperanto kaj piano-solaĵoj, bonege prezentitaj de britaj gekongresanoj.

La solena malfermo okazis lunde matene en la tradicia maniero. En la nomo de la Edinburga urbestraro parolis S-ro magistratano Fergus Harris. Oficiale reprezentataj estis la registaroj greka, brazila, nederlanda, norvega kaj rumana. Neniu forgesos facile la spiritan kaj trafan paroladon de S-ro Isbrücker, delegito de la nederlanda registaro. Li komparis nian lingvon kun la unua lokomotivo de George Stephenson, nun videbla en la stacidomo de Darlington. Kiam Stephenson konstruadis sian maŝinon, lia patrino ofte diradis al li: „Georgo, ĝi neniam iros“. Sed li ne malkuraĝiĝis. Kuŝis jam la reloj, alvenis la momento de la elprovo. La patrino denove diris: „Georgo, ĝi ne iros“. Sed kiam Stephenson lasis la vaporon kaj la radoj ekmoviĝis kaj la maŝino ekkuris, la patrino subite ekkriis: „Ho, Georgo, ĝi neniam haltos!“ Simile niaj iamaj skeptikaj kritikantoj, kiuj ne volis kredi, ke nia lingvo povas funkcii, nun devas konstati, ke nia movado ne plu estas haltigebla.

La Somera Universitato malfermiĝis lunde posttagmeze. Anstataŭ la forestanta D-ro Privat, fondinto de tiu institucio, ĝin malfermis P-ro Pierre Bovet, la famkonata pedagogo, direktoro de la Instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo. Post la malfermo tuj komenciĝis la prelegoj. La vicon malfermis P-ro Th. Cart, prezidanto de la Esperanto-Akademio, per tre interesa prelego pri la franca folkloro kaj popolkanto. Lin sekvis P-ro Bujwid el Krakovo kun lumbilda prelego pri: homo kaj mikroboj.

Kvar tagojn plenigis la prelegoj de la Somera Universitato kun interesa kaj varia programo. D-ro Deuel (Leipzig) prelegis pri la terapio de la ftizo kaj pri la plilongigo de la homa vivo. S-ro Rinaldo Orengo (La Spezia, Italujo) pri la suno, D-ro Fournier d'Albe (Londono) pri la radio kaj ĝia estonteco, P-ro Collinson (Universitato de Liverpool) donis du tre interesajn prelegojn pri Esperanto kiel vojo al lingvoscienco kaj S-ro A. Ĉe konigis rimarkojn pri la aplikado de la rekta metodo en la instruado de Esperanto.

Apartan mencion postulas la serio da interesaj kaj belaj prelegoj pri naciaj popolkantoj kaj folkloro (P-ro Cart pri la franca, S-ro Bennemann pri la germana, S-ro Grau Casas pri la kataluna, D-ro Olŝvanger pri la hebrea kaj S-ro Kornfeld pri la pola).

Kun rajto ni estas fieraj pri tiuj prelegoj, kiuj en mirinda maniero alproksimigis nin al la animo de la diversaj popoloj kaj tiel plenumis esencan punkton de la esperantisma programo. Precipe la prelego de S-ro Bennemann vekis multan emocion. Dekdu elektitajn perlojn de la germana popolkanto kun multa arto kaj vera enprofundiĝo prezentis kvaro da skotaj gesinjoroj. Ni multe bedaŭris, ke tiu revelacio devas resti kaŝita inter ni. Estis momentoj de okazaĵo vere unika en la mondo kaj ni esperas, ke sur tiu vojo nia lingvo portos al la mondo netakseblan servon.

Pri la konstitucio kaj celoj de la Internacia Labor-Oficejo prelegis S-ro Tarelli (Ĝenevo) kaj anstataŭ la anoncita prelego de D-ro Privat pri la Ligo de Nacioj P-ro Bovet bonvolis doni valoran paroladon pri la Ligo de Nacioj kaj la paca edukado de la junularo.

Lundon tagmeze kvindeko da oficialaj delegitoj de la naciaj societoj kaj aliaj kunvokitoj sekvis al afabla invito de la Prezidanto de l' Kongreso, S-ro W. M. Page, al festeno en la granda North British Hotel (Waverley Station). Tiu festeno rajtas havi apartan mencion pro la vere intima karaktero, kiun ĝi montris. S-ro Page laŭ landa kutimo tostis al la Reĝo. Poste sekvis vico da alparoloj, i. a. ankaŭ de S-ro D-ro Drummond Shiels, parlamentano, de S-ro Fergus Harris, ĉefmagistratano, kaj de S-roj Merchant kaj Ĉe. S-ro Isbrücker en konata sprita maniero montris la grandan aktivecon de Brita Asocio, interpretante la monogramon B. E. A. per „Boksas Esperanton Antaŭen!“

Lunde vespere la urbestraro de Edinburgo bonvolis aranĝi en la Art-lernejo solenan kaj gastaman akcepton kun arta kaj tre ĝuinda programo de muziko kaj kanto.

Dum la kongreso mankis la kutima teatra prezentado, sed en Edinburgo ni havis kompenson en tre altnivelaj kaj interesaj koncertoj. Marde vespere okazis la „skota koncerto“ en la Synod Hall. Ĝi kompletigis la somer-universitatan prelegaron pri popolkantoj, prezentante tipajn skotajn kantojn, dancojn kaj muzikon, precipe tiun specialaĵon skotan, la sakfajfilon. Plej atentindaj estis la ĉarmaj gestaj kantoj de fiŝvendistinoj, prezentitaj de la Knabina Ĥoristaro de Fiŝvendistinoj el Newhaven apud Edinburgo, kaj la ludado de skotaj danc-muzikoj de la Edinburga Highland Reel & Stratspen Societo, kaj la lertegaj dancoj de la etaj F-ino Congleton kaj S-reto Pringle Nordhumberlandajn sakfajfilajn solaĵojn tre lerte ludis S-reto Vivian Fairbairn el Newcastle.

Mardon vespere deko da samideanoj parolis en la radiostacio de Edinburgh mallonge nacilingve kaj poste en Esperanto. Ni notas speciale la alparolon de D-ro Olŝvanger en hebrea lingvo, de S-ino A. Lois (Suda Nigerio) en efik-dialekto kaj de S-ro Niŝimura en japana lingvo.

Parolis krome S-ro Kreuz (kvin minutojn en Esperanto), S-ro M. C. Butler donis dekminutan provan lecionon de Esperanto.

Pluraj belaj kantoj de dueto kaj ĥoro plibeligis tiun apartan aranĝon, kiu estis disaŭdigata pere de Daventry.

Veran regalon de kanto ni ĝuis merkrede vespere en la Central Hall. La „Glasgow Orpheus Choir“ (Glasgova Orfea Ĥoristaro) tre afable vizitis Edinburgon por prezenti riĉan programon de skotaj kantoj en majstre perfekta interpretado. Varman dankon ni ĉiuj ŝuldas al la direktoro S-ro Hugh S. Roberton, al la sol-kantistoj Boyd Steven, Agnes Macgregor,

William Smith kaj al la pianisto S-ro A. J. Gourlay. Kun plezuro ni aŭdis, ke la ĥoristaro baldaŭ entreprenos rondvojaĝon tra Ameriko kaj Eŭropo kaj ni ĝojas, ke multaj samideanoj, ne partoprenintaj la kongreson, ankaŭ povos ĝui la plezuron aŭdi tiun mirindan programon de la skota kantotrezoro.

La jaŭda tago estis dediĉita al ripozo en agrabla ekskurso sur la skotaj Fjordoj apud Glasgovo. Du specialaj vagonaroj portis la kongresanaron al Gourock, de kie ŝipo promenigis sur la Fjordoj de Clyde, Loch Long, Loch Goil, apud la insulo Bute, fama libertempejo Rothesay. Tiu ekskurso favoris plej multe al la interkoniĝado kaj al la militiroj de la aŭtograf-kolektistoj.

La longe mankinta „Oratora Konkurso" denove okazis vendrede posttagmeze. El naŭ kandidatoj premiojn ricevis D-ro Olŝvanger, S-ro Major kaj S-ro Grenkamp. Laŭ la havitaj impresoj oni emas konsili, ke la kandidatoj havu liberan elekton el pluraj temoj; tio povos helpi ilin por pli serioze trakti sian temon.

La lasta ĉapitro de la kongresaj plezuroj pasis en plej agrabla kaj memorinda maniero: internacia balo en la mirinda Palaco de Danco. Arta aranĝo de lumoj, lampoj, reflektoroj, ĉarma „vivanta bildo" de kostumitaj gesamideanoj kaj serena humoro de la kunestanta nova popolo igas tiun vesperon neforgesebla.

En la Dekoka ni plezure renkontis ne nur malnovajn samideanojn, sed ankaŭ freŝan rikoltaĵon, ankaŭ bonan nombron da gejunuloj kaj eĉ infanoj flue parolantaj nian lingvon. Kun intereso oni aŭdis la fluan parolon de kvar Berlinaj samideaninoj premiitaj post dumonata kurso. Jen novaj dokumentoj de la kvalitoj de nia lingvo. Ĝi vivas kaj progresas.

Post la ferma kunsido la kongresanaro disiĝis parte al la hejmo, parte al ekskursoj, kun varma dankemo al la organizintoj kaj multa gratulo pro la granda sukceso. Plendoj tute ne aŭdiĝis. Sed granda kontenteco regis ne nur pro la bonegaj aranĝoj, sed ankaŭ pro la tre ĝentila kaj nobla konduto de la loĝantaro de Edinburgo, pro la favoro de la gazetaro, afableco de oficistoj, policanoj, konduktoroj ktp., al tiuj ĉiuj ni devas esprimi publike nian tutkoran dankon. La multe laborintaj kaj modele venkintaj anoj de la L. K. K. sub la energia gvidado de la estimataj kaj ŝatataj samideanoj Warden, Harvey kaj Page akceptu nian sinceran certigon, ke ni disiris el la belega Edinburgo ravitaj kaj kun la deziro, ke ĉiuj estontaj kongresoj tiel sukcesu kiel la Dekoka.

*B. D.*

---

## ★ XVIII. Universala Kongreso de Esperanto ★

*Edinburgh (Skotlando), 31 Julio — 7 Aŭgusto 1926.*

### Solena malferma kunsido

la 2 Aŭgusto 1926 en New College (Mound).

La kunsido komenciĝas precize je la 9,30 horo. Starante ĉiuj kongres-partoprenantoj kantas la himnon „Espero", akompanitan fortepiane de S-ro Harrison Hill.

Post finkanto de la lasta strofo S-ro *J. Merchant,* Sheffield, Prezidanto de Brita Esperantista Asocio, anstataŭante S-ron Ed. Stettler, Hon. prezidanto de UEA, kiu malfermis la Deksepan, deklaras la kongreson malfermita.

S-ino *J. Isbrücker,* s' Gravenhage, ano de la Internacia Centra Komitato nome de I. C. K. kaj de L. K. K. proponas la elekton de jena estraro:

Prezidanto: S-ro *W. M. Page,* Edinburgh (Skotlando)
Viceprezidantoj: S-ro *J. Merchant,* Sheffield (Anglujo)
„ *Mc. Cormick,* Dublin (Irlando)
„ *Jos. Bednář,* Brno
„ Prof. *P. Bovet,* Genève
„ Prof. *O. Bujwid,* Krakow
„ Prof. *Th. Cart,* Paris
„ *Riej Hasegaŭa,* Tokio
„ *Bernh. Kötz,* Leipzig
„ *Rogers,* San Francisco
Konstanta Ĝenerala Sekretario: S-ro *Robert Kreuz,* Genève
Ĝeneralaj sekretarioj: S-ro *M. C. Butler,* London
„ *M. J. Warden,* Edinburgh
Sekretarioj: F-ino *MacFarlane,* Edinburgh
S-ro *W. Harvey,* Edinburgh

Per vigla aklamo la kunsido esprimas sian konsenton al tiu ĉi propono. La proponita estraro per tio estas elektita.

S-ro Page, elektita prezidanto de la kongreso ekokupas la prezidantan seĝon kaj unue sciigas, ke konforme al la kutimo de l' kongresa lando li sendis interkonsente kun L. K. K. telegramon al lia Moŝto Reĝo Georg V de Granda Britujo. Al ĝi venis la sekvanta respondo:

> „Lia Reĝa Moŝto ordonis al mi, transdoni lian plej koran dankon pro la afablaj vortoj, kiujn vi sendis al Lia Reĝa Moŝto en la nomo de la XVIII. Universala Kongreso de Esperanto.
>
> Lia Reĝa Moŝto esperas, ke vi havos sukcesplenan kongreson. Subskribo: Equerry."

La kongresanaro aplaŭdas la du telegramojn.

Post tio pro la neevitebla foresto de la ĉefurbestro de Edinburgh, S-ro *Fergus Harris,* ĉefmagistratano de Edinburgh plej kore bonvenigas la kongreson. Li komence diras kelkajn vortojn en Esperanto kaj esprimante sian bedaŭron, ke li ne kapablas paroli en Esperanto daŭrigas sian paroladon en angla lingvo. Multajn fojojn antaŭe okazis en Edinburgh internaciaj kongresoj, sed neniam antaŭe okazis unu tia kosmopolita kongreso kun tia speciala karaktero, kian montras la kongreso de Esperanto. Li esprimas sian ĝojegon pri la fakto, ke oni ĝuste elektis la urbon Edinburgh, kiu estas fiera pri tia kongreso. Malgraŭ tio, ke li ankoraŭ ne havis okazon por lerni nian lingvon, li plene konscias pri la graveco de niaj movado kaj lingvo. Sendube internacia helpa lingvo estas tre efika helpilo universala por forigi erarkomprenojn inter la diversaj nacioj. En la nomo de la urba korporacio kaj de l' urbestro persone li deziras plej bonan sukceson al la kongreso kaj feliĉan restadon al la kongresanoj en la kongresa urbo.

La ĝenerala sekretario S-ro *M. C. Butler* tradukas la paroladon en Esperanto. La kongreso per vigla aplaŭdo kore dankas pro la afablaj bondezirparoloj.

S-ro *W. M. Page,* prezidanto de la kongreso post formala danko al la aŭtoritatoj de la urbo, kiuj bonvolis montri sian intereson pri nia kongreso suriras la katedron por fari la sekvantan salut-paroladon:

Sinjoroj kaj sinjorinoj,

Karaj gesamideanoj, pilgrimantoj de la verda stelo, kiu kondukis vin al nia urbo kaj al nia lando! Mi salutas vin kaj kore dankas vin, ke vi tiel multnombre vizitis nin kaj precipe tiujn, kiuj venkis la maron, por viziti nian malproksiman por ili landon.

Vi venis por kongresi en tre interesa salono. En ĉi tiu salono jam okazis multe da interesaj internaciaj kongresoj. Estis tie ĉi kongresoj de sciencistoj, de partianoj de div. religioj, de homoj, kiuj interesiĝis pri ekonomio kaj aliaj temoj. Sed mi kredas, ke ĉi tiu kongreso estas unika en rilato al tio, ke

tien ĉi ni ne venas kiel spertuloj pri ĉi tiu scienco aŭ tiu religio, sed ke ni venas ĉi tien nur kiel simplaj, ordinaraj homoj... homoj, kiuj deziras interfratiĝi kaj ankaŭ sciiĝi unu pri la alia. (Aplaŭdo.) Estas ankaŭ alia diferenco: Tiuj kongresoj estis veraj Babelaj turoj, kaj oni bezonis interpretistojn por ke la ĉeestantoj povu aŭskulti al la prelegoj kaj paroladoj ne unu fojon, sed du, tri, kvar fojojn pro la tradukado en diversajn lingvojn. Sed en nia kongreso ni parolas nur unu lingvon: Esperanto!

Gesinjoroj! Jam pasis 19 jaroj de la tempo, kiam la universala kongreso de Esperanto okazis en Britujo. Mi deziras aludi al la III-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en 1907 en Cambridge. Ĝi estis kongreso, kiu estis mirinde organizita. Ĝi fariĝis modelo por la estontaj kongresoj kaj ni mem profitis el la lecionoj, kiujn oni tie instruis al ni. En ĝi estis tri rimarkindaj homoj, kiuj ĝin organizis: Kolonelo Pollen, bona, humorplena irlandano, nia agema vigla amiko S-ro H. Bolingbroke-Mudie kaj la gaja skoto D-ro Cunningham. Ni honoras ilin hodiaŭ; ni ankaŭ honoras niajn grandajn pionirojn J. Rhodes kaj Richard Sharpe, kiuj bedaŭrinde ne plu estas inter ni. (Ĉiuj nomoj estas tre aplaŭdataj. La kongresanaro honore leviĝas de la seĝoj.)

Gesinjoroj! Mi pensas, ke estas utile, se mi parolus al vi hodiaŭ kelkajn vortojn pri la lando, en kiu vi kunvenas por kongreso. Estas mia devo, se mi povas, interpreti por vi la spiriton de la popolo, kiu loĝas ĉirkaŭ vi, precipe laŭ la internacia vidpunkto.

Skotlando estas malgranda lando kaj malgrandaj landoj ofte faras gravajn kaj grandajn kontribuaĵojn al la bono de la mondo. Ĝi estas malgranda lando. Ĝi estas malriĉa lando kompare al aliaj, sed ĝi estas, kiel vi jam scias, eksterordinare bela lando. Dum vi iras tra tiu lando kaj dum vi vivas inter majestaj montoj, oni vidas lagojn kaj fjordojn, pitoreskajn valojn kaj imponajn arbarojn, vi entuziasmiĝos pri la lando kaj ĝia beleco. Kaj vi estos ravita de la aspekto. Sed malantaŭ la beleco de la lando kuŝas granda tragedio. Kiam vi vojaĝas inter niaj montoj kaj inter multaj el niaj pitoreskaj valoj, vi vidos ruinigitajn dometojn. Kion tio signifas? Tio signifas, ke la lando ne povas teni la enloĝantojn. Homoj, kiuj ĝenerale vivis en tiuj dometoj dum generacioj, la infanoj, kiuj ludis kaj babiladis ĉirkaŭ la ĝardenoj antaŭ la dometoj foriris. Dum generacioj homoj en nia lando baraktis kontraŭ la krudaj fortoj de l' naturo kaj ankaŭ kontraŭ aĉa klimato. (Nur por la esperantistoj venas la bona vetero). Sed tiu barakto faris el la homoj fortajn karakterojn. Ĝi donis al ili kvalitojn de ŝparemo (de tiu ŝparemo, pri kiu ŝercas nia amiko S-ro Merchant), de persistemo kaj ankaŭ de pacienco. Kaj tiuj kvalitoj faras bonajn sukcesplenajn bankistojn, asekuristojn, komercistojn, soldatojn, esploristojn, koloniistojn ktp. En modernaj tagoj niaj filoj iras al la britaj kolonioj kaj aliaj malproksimaj landaj. Sed en la 14-a kaj 15-a jarcentoj la lando de la deziro de l' koro estis ĉe la Balta Maro en Holando kaj en Francujo kaj tien iris multaj skotoj por uzi tiujn fortojn, kiujn ili heredis de la prauloj. Ĉirkaŭ la Balta Maro multaj skotoj komercis. Ili komercis sukcesplene. Ili penetris en la internon de Germanujo kaj de Polujo kaj de Rusland kaj en kelkaj el tiuj landoj ili tiel sukcesplene komercis, ke oni devis starigi leĝojn por malpermesi, ke ili trosukcesu. (Rido). Tiuj homoj fariĝis enloĝantoj kaj ili intermiksiĝis kun la popolo tie kaj estas eble, ke kelkaj el vi, kiuj estas ĉi tie hodiaŭ kaj nomas sin germanoj, estas efektive plenaj de skota sango. Kelkaj tre eminentaj homoj en Eŭropo fieris ke ili havas skotan sangon en la vejnoj. Ekzemple Imanuel Kant, la filozofo, Edward Grieg, la muzik-komponisto en Norvegujo, kaj la poeto Lermontov en Rusujo fieris pri skota sango. Kaj en la tagoj kiam oni tre fieris pri tio en Francujo, oni diris ke eĉ Molière kaj Colbert havis skotan sangon en si.

Sed ne ĉiuj skotoj sekvis la komercadon. Aliaj estis soldatoj de Fortuno kaj estis pretaj meti siajn glavojn al la dispono de tiuj, kiuj povis promesi al ili la plej grandajn aventurojn kaj en la tempo de Ludoviko XI. de Francujo la Skota Gvardio estis la gardokorpuso de la reĝo. Ilia sukceso ankaŭ allogis al Francujo multe da aventuremaj skotoj, kiuj ricevis multe da bonaj pozicioj en la kortego de la reĝo tiel, ke leviĝis proverbo en Francujo, ke ĉiu skoto estas kuzo de la reĝo. (Rido).

En la armeo de Gustavo Adolfo de Svedujo estis 13 regimentoj de skotaj soldatoj kaj en Germanujo ankaŭ estis multaj skotaj soldatoj. Kelkaj el ili estis tre famaj. La germanoj memoros la nomon de Marŝalo Keith. Alia fama soldato estis Patrick Gordon, kiu vendis sian glavon al tri reĝoj: la reĝo de Svedujo, la reĝo de Polujo kaj poste Petro la Granda de Ruslando kaj fariĝis unu el la ĉefaj militestroj de Ruslando. Ankaŭ eminenta skoto fondis la rusan militŝiparon, Admiralo Greig, kiu venis el loko tute apud la Forth-a pontego. Alia skoto, kiun ni devas mencii, estas persono, kiu estis la prototipo de heroo de ĉiu knabo. Vi ĉiuj aŭdis pri Robinson Crusoe. Nu, mi ne scias, ĉu Robinson Crusoe iam parolis pri skota nacio aŭ fanfaronis pri sia skota sango, sed la prototipo estis Alexander Selkirk, kiu vojaĝis el la alia flanko de la rivero Forth al la insulo Juan Fernandes, kie li havis aventurojn, kiujn la romanskribisto Defôe teksis en la rakonton de Robinson Crusoe.

Sed ne estas pri komercistoj kaj pri soldatoj, pri kiuj skotoj plej ŝatas paroli. En la korto de ĉi tiu kongresejo vi vidas la statuon de John Knox. Kompreneble John Knox estis unuavice religiulo, sed li faris pli por Skotlando, kaj por la mondo pli ol tion: John Knox havis idealon: Lernejo en ĉiu paroĥo. Kaj li instigis al la skotoj entuziasmon por edukado, tiel, ke oni povis diri en la pasinta jarcento, ke la skota kamparanaro havas la plej bonan edukadon en la mondo. En la kamparaj lernejoj estis ambicio de ĉiu lernejestro sendi la plej fortajn knabojn, kiuj venis el la dometoj de l' laboristoj al la universitato St. Andrews aŭ Glasgow aŭ Aberdeen aŭ Edinburgh. Kaj tiuj knaboj, kiuj ne estas tiel riĉaj tien iras. Sed nur tiu persistemo kaj tiu eksterordinara ŝparemo povis travivi la vivon de studentoj en la skotaj universitatoj. Tiuj homoj iris tra la mondo kaj ankaŭ edukis la mondon en la mezepoko en la universitatoj de Eŭropo. (Alvoko: Bonege!) Estis malmulte da tiaj universitatoj, kiuj ne povis diri, ke ili havas profesorojn, kiuj venis el Skotlando. Kompreneble la lingvo, kiun oni uzis en la universitatoj en tiu tempo estis la latina lingvo. Oni povis esti profesoro en unu lando kaj poste en alia lando. En tiu tempo kelkaj skotoj parolis la latinan lingvon treege bone. Iu el la profesoroj, kiuj forlasis Skotlandon kaj revenis al Edinburgh trovis, ke li estis forgesinta la skotan lingvon, kaj kiam li predikis, nur kelkaj personoj povis kompreni lin, ĉar li povis prediki nur en la latina lingvo.

Ankaŭ en niaj universitatoj ni havis tre konatajn kuracistojn kaj medicinistojn, kiuj iris tra Eŭropo kaj en certa tempo en la kortego de Rusujo ĉiam estis skotaj kuracistoj. Mi supozas, ke vi ĉiuj honoras la universitaton de Edinburgh pro la grandaj eltrovoj de antisepto kaj de kloroformo. Tiuj estas aferoj, pri kiuj nia universitato ĉie estas tre estimata tra la tuta mondo.

Nu ĉi tiu iro kaj reiro en Skotlando al la kontinento kreis en la skotoj internacian menson ĝis grado eble pli alta ol ĉe kelkaj aliaj nacioj. Oni do ne surpriziĝu, ke en nia lando leviĝis la ideo de internacia lingvo.

En la 17. jarcento Sir Thomas Urquhart de Cromartie kaj George Dalgarno el Aberdeen laboris pri la ideo de internacia lingvo. Hodiaŭ ni honoras tiujn du pionirojn skotajn de tiu ideo.

Mi esperas, ke mi ne tedis vin per tiuj ĝi diroj — kaj aparte la anglojn — (Aplaŭdo) sed vi devas scii, ke la skoto

estas granda patrioto. La plej bona patrioto tamen estas la plej bona internaciisto. (Aplaŭdo.) La vera patriotismo ne degeneriĝas en ŝovinismo, tiu ŝovinismo, kiu detruas kaj ne konstruas (Brave!), kiu malfeliĉas kaj ne feliĉigas, kaj kiu malbenas kaj ne benas. Kiu lasas post si oceanon de larmoj, rompitajn korojn kaj detruitajn hejmojn. Se ni rigardos al la tera globuso, estas unu punkto tie, kiu estas por ni ĉiuj la centro de la mondo. Tiu estas la loko, en kiu ni naskiĝis — nia patrolando. „Se mi forgesos vin, ho Jerusalem, mia lango algluiĝu al mia palato."

Ĉiu devas havi tiun senton pri sia naskiĝlando, sed oni povas havi ankaŭ amon por la tuta mondo. Tie loĝas homoj el diversaj rasoj kaj koloroj, kiuj parolas malsamajn lingvojn. Ili estas ĉiuj niaj fratoj kaj la Kreinto de la mondo pro tio, ke li kreis ĝin, amas ĝin. La homo, kiu estas kreita en la bildo de Dio ankaŭ devas havi tiun senton en la koro, la senton de amo al la tuta mondo. (Aplaŭdo.)

Estas sanktaj skriboj — estas idealistoj — kiuj predikis tiun ideon al ni. Sed kvankam ili montris al ni la vojon, oni ne donis al ni la praktikan helpon, ĝis venis tiu geniulo Zamenhof, kies filinoj estas inter ni hodiaŭ kaj kiujn ni honoras. (Vigla aplaŭdo.)

Li donis al ni la praktikan vojon al tiu idealo. Li donis al ni la lingvon, kiun ni parolas hodiaŭ kaj kiun ni aŭdas kaj kiu estas en la praktika vojo al la idealo de homa frateco kaj homa interkompreniĝado.

Gesinjoroj! Ni amu tiun idealon; ni laboru por ĝi. Ĝi estas unu el la plej grandaj aferoj en la mondo. Mi kredas tion kaj mi deziras instigi vin hodiaŭ, denove ĵuri labori kaj ĵuri batali por reunuigi la homaron. Tio estas sankta idealo. Hodiaŭ ni denove dediĉas nin al ĝi, havante antaŭ ni la vizion de tiu glora tago, pri kiu la skota nacia poeto Robert Burns kantas, kiam

homoj sur la tuta tero
fariĝos feliĉa kunfrataro.

*(Laŭ stenografaĵo de M. C. Butler (Pitman) kaj Robert Kreuz (Stolze-Schrey)*

Varma aplaŭdo sekvas al tiu impresa festparolado de la kongresa prezidanto.

La kongresanaro leviĝas por kanti kune la himnon de Danko.

Post tio la prezidanto sciigas, ke la Prezidanto de Internacia Centra Komitato D-ro Privat pro denova malsano bedaŭrinde ne povas ĉeesti la kongreson.

Li donas la parolon al S-ro *Robert Kreuz,* ĝenerala sekretario de Internacia Centra Komitato por la sekvanta salutparolado:

Karaj geamikoj el ĉiuj landoj de la mondo! En la nomo de la Internacia Centra Komitato mi korege salutas kaj bonvenigas vin tie ĉi.

En la solena momento de l' malfermo de nia kongreso miaj pensoj foriras momenton el tiu ĉi urbo al nia kara estimata prezidanto D-ro Privat, kiu bedaŭrinde ne povas ĉeesti en tiu ĉi salono. Kaj mi sentas en mia koro, kiom li suferas, restante hejme pro malsano gravega, kiun li travivis antaŭ kelka tempo kaj kiu lin kaptis subite denove.

Ŝajnas al mi, ke vi ĉiuj en vi sentas la samon, ke kongreso sen li preskaŭ ne estas ebla. Kaj verdire, la unuan fojon nia kara prezidanto ne estas en nia mezo — li, kiu estas kaj restas nia granda gvidanto de multaj jaroj, li kiu estas ni povas diri, la sekvantulo de nia granda majstro Zamenhof kaj kiu estas kaj restas por ĉiam lia plej fidela adepto.

Mi kredas esprimi ĉies vian opinion, esprimante ĉi tie nian tutkoran simpation al li. Mi imagas lin vidas hejme, baraktante eble en la lito kaj pensante en koro pri vi ĉiuj. (Granda aplaŭdo.) Kaj mi preskaŭ esperas ankoraŭ, ke en lasta minuto lia energio lin keptos kaj alportos lin al ni eble antaŭ la fermo de tiu ĉi kongreso. Mi estas certa, ke, se li ankoraŭ venus, li entuziasmigus nin ankoraŭ pli profunde. Li donus la plej altan nivelon al nia kongreso. (Aplaŭdo.)

Ni trapasis periodon laborriĉan kaj vi scias, kiom en la lasta jaro kaj en la lasta tempo nia afero progresis tra la tuta mondo. Ni ankoraŭ ne atingis la celon, sed ni laboras konstante por ĝin atingi. Ankoraŭ grandaj kaj multaj estas la eblecoj por atingi novajn progresojn de nia afero. Ni devas ilin utiligi en la venonta tempo, eluzi por tio ĉiujn niajn fortojn (Aplaŭdo) kaj labori per tutaj koro kaj sento por nia idealo.

Ŝajnas al mi, ke tri fortoj puŝas nin antaŭen en nia celado, tri faktoroj, kiujn ni ne povas eligi el nia spirito: la konvinko, la fervoro kaj la solidareco.

*La konvinko* — ĝi estas la fundamento de nia agado. Ĝi estas kaj devas esti tiel firma kiel ni vidas en tiu ĉi belega urbo la kastelon de Edinburgh. Kaj samkiel ne povos ŝanceliĝi tiu roko, la fundamento de tiu kastelo, tiel neniam devas ŝanceliĝi nia konvinko pri la sukceso kaj fina venko de nia afero. [Aplaŭdo.]

Ne nur la konvinko en si mem helpas, sed ankaŭ *la fervoro,* al kiu mi ĵus aludis. Ĝi estas la dua puŝanta forto, kiu nin laborigas ĉiun tagon por ke nia afero antaŭeniru. Se estas permesate al mi, mi rekomendas al vi, sekvi la viglan laboron de niaj skotaj amikoj, kiujn vi vidas labori ĉi tie dum tiuj tagoj. Ŝajnas al ni, ke ni ne povos trovi pli bonan ekzemplon ol tiun de tiuj modestaj samideanoj, plejparte tre malnovaj, kiuj sidas en la kongresa oficejo, kvazaŭ ili plenumus sian profesian devon kaj kiuj neniam haltante, neniel hezitante pacience plenumas sian taskon. Tiu fervoro estu ankaŭ la nia. [Aplaŭdo.]

Sed ankoraŭ tria faktoro devas esti konsiderata en nia laboro. Ĝi ŝajnas al mi la plej grava: *la solidareco* en ĉiuj niaj fortoj, de ĉiuj niaj animoj kaj spiritoj. Tiu solidareco, kiu esprimiĝas en la neŝancela fundamento de nia lingvo kaj en nia granda internacia organizo devas esti tiel potenca kiel la maro, kiun vi vidas proksime, tiel vasta, tiel larĝa kiel la ĉielo, kiu ĝin kovras. Kaj mi ne dubas, ke vi ĉiuj bonvole memoros pri tio, ke tiuj tri ĉelaj faktoroj nin puŝas ankaŭ en la estonteco por atingi nian celon: tiu konvinko, kiu alte instigos nin ĝis kiam ni venkos — kaj ni certe venkos — tiu konvinko, kiu konservas al ni la entuziasmon por tiam, kiam ni bezonas ĝin; tiu fervoro, kiu laborigas nin ĉiujn laŭ sia maniero, ĉiun je la posteno, kie li estas bezonataj; la solidareco, mi kredas, estas la plej grava el la tri, ĉar ĝi kuntenas nin. Ĝi igas nin per nia kuneco la plej fortaj en la mondo. Verdire, pro tiu solidareco per kiu ni ĝis nun povis manifesti al la publiko, al la tuta mondo, ni ĝis nun povas paroli pri popolo ekzistanta, kiu nomiĝas Esperantistaro.

Tiu solidareco, kiu nin igas popolo, ĝi ŝajnas al mi tiel necesa kiel la salo por la ĉiutaga pano. Kaj tiu solidareco, se ĝi estas vera, sincera kaj internacia ĝi estas vere tio, kion volis kaj donis al nia kara majstro Zamenhof, kiam li esprimis la ĉelan ideon de nia movado, kiun ni nomas la internan ideon de l' Esperantismo. [Aplaŭdo.]

Restas al ni en tiu ĉi solena momento preni kuraĝon por la estonta laborado, ĉerpi entuziasmon por nova laborriĉa periodo, en kiu, samkiel antaŭe vi povos fidi al ĉiuj niaj gvidantoj de la movado, ke ili faros ĉion eblan por ke ni kiel plej eble alproksimiĝu al la celo.

Ni ankoraŭ ne pensu pri tuja venko, ĉar estas bele batali por ĝi. Alie mi ne dubas, ke iun tagon ni staros subite antaŭ ĝi kaj tiam ni atingos en vero la celon en gloro.

Vi ĉiuj, karegaj geamikoj el landoj de la tuta mondo, ne forgesu ĵuri denove, kiel proponis nia estiminda kongresa prezidanto S-ro Page. Tiun saman peton mi deziras esprimi al vi. Ĉar se vi tiel daŭrigos kiel vi faris ĝis nun, neniam ŝanceliĝos en via konvinko, neniam perdos vian fervoron kaj

ĉiam observos bone la necesan solidarecon, tiam nia alero staros kaj iros bone. Kaj tiam la profundaj vortoj de nia granda, neforgesebla majstro realiĝos, ke la nepoj vin benos, se vi pacience eltenos. [Longa aplaŭdo.]

*Laŭ stenografaĵo de M. C. Butler (Pitman).*

La prezidanto dankas kore al la parolinto kaj donas la parolon al la reprezentantoj de la registaroj, kiuj bonvolis ilin delegi speciale al nia kongreso.

Sendis delegiton:

Brazilio: S-ro Carlos Domingues, Rio de Janeiro [alvenis pli malfrue]

Greklando: la greka konsulo en Edinburgh [pro urĝaj aferoj ne povis ĉeesti]

Nederlando: S-ro Jr. I. G. R. Isbrücker, s' Gravenhage

Norvegujo: S-ro ĉefleŭtenanto R. Bugge-Paulsen

Rumanujo: S-roj H. Fischer, Bucureşti kaj S-ro A. Che.

Internacia Laboroficejo en la Ligo de Nacioj: S-ro Tarelli

Post ili sekvis la alparoloj de la internaciaj asocioj, kiuj bonvolis sendi reprezentanton. Jenaj organizacioj estis oficiale reprezentitaj en la kongreso:

## Internaciaj Organizaĵoj.

Asocio de Komercoficistoj. Rio de Janeiro
Bahai Oficejo Internacia Genève
Frankfurta Internacia Foiro, Frankfurt a. M.
Germana Grupo de Tutmonda Teatro, Berlin
Instituto Brazila de Librotenado, Rio de Janeiro
Internacia Bontemplana Ordeno, Stockholm
Internacia Federacio de Transportlaboristoj, Amsterdam
Internacia Federacio de la Societoj por la Ligo de Nacioj, London
Internacia Jura Asocio, London
Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, Genève
Internacionalo de Kontraŭmilitistoj, Enfield. Middles
Internacia Pac-Oficejo, Genève
Komerca Asocio de Rio de Janeiro
Komerca Ĉambro de Paris
Klubo de Inĝenieroj Rio de Janeiro
Monda Alianco por Progresigo de Internacia Amikeco inter la eklezioj, London
Monda Asocio de Kristanaj Junulinoj, London
Monda Frateca Federacio, London
Plenuma Komitato de Cionista Organizo, London
Reĝa Universitato de Pécs Hungarlando
Rusa Klerigfilantropa Societo, Tartu, Estonio.
Scienca Servo, Washington
Societo de Geografio, Rio de Janeiro
Svisa Kooperativa Societo de Konsumado, Genève
Unio Internacia de Scienca Radiotelegrafio, Bruxelles
Universala Komitato de la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj, Genève.

Post tio S-ro Kreuz laŭtlegas leteron de D-ro Privat, ĵus ricevitan, kiu enhavas korajn salutojn kaj bondezirojn al la kongreso. La kongreso vive aplaŭdas la enhavon.

La prezidanto proponas sendi al D-ro Privat telegramon, esprimante al li la tutan kaj koran simpation de la kongreso.

Jena telegramo estas sendita:

„D-ro Privat, Esperanto, Genève.

Kun viva bedaŭro pro via necheesto kaj koraj bondeziroj por plena resanigho la malfermkunsido de l' Dekoka esprimas plejkoran simpation al sia elpruvita granda gvidanto.

Esperantokongreso."

Sekvas la vico de salutparolantoj de diversaj landoj kaj nacilingvaj federacioj ktp.

## Listo de parolintoj:

Aŭstrio: S-ro D-ro Christanell
Belgujo: S-ro D-ro Th. Kempeneers
Brazilio: S-ro Charlos Domingues [v. ferman kunsidon]
Bulgarujo: F-ino Apostolowska
Ĉeĥoslovakio: S-ro Bednář por Ĉ. A. E.
S-ro D-ro Fischer, por Germ. Ligo en Ĉeĥoslov.
Danujo: F-ino Melchior
Danzig: F-ino Marquardt
Estonio: S-ro Anofriev
Francujo: S-ro Prof. Cart
Germanujo: S-ro Prof. Christaller
Hebreoj: S-ro D-ro Olŝvanger
Hispanujo: S-ro Azorin
Hungarujo: S-ro Löbl
Italujo: S-ro Rinaldo Orengo
Japanujo: S-ro Risej Hasegaŭa
S-ro Koogecu Niŝimura
Kataluna lingvo: S-ro Solà
Nederlando: S-ro Isbrücker
Novzelando: S-ro Andrew
Polujo: S-ro Essigman
S-ino D-ro Muskatblat p. Konkordo
Portugalujo: S-ro Azorin
Rumanujo: S-ro Che
Saar-teritorio: S-ro D-ro Meyer
Svedujo: F-ino Hernberg
Svislando: S-ino Tissot
Sudslavio: S-ro D-ro Domać
Usono: S-ro Rogers.

Antaŭ fino de la kunsido S-ro Kreuz laŭtlegas aregon da telegramoj kaj mencias la nomojn de asocioj kaj izolaj esperantistoj, kiuj bonvolis sendi bondezirajn leterojn al la kongreso.

La kongresanoj starante kantas la himnon. Regas viva entuziasmo ĝis la fino de la malferma kunsido.

Je 12.30 h. la kunsido fermiĝas per dankvortoj de la prezidanto al ĉiuj ĉeestantoj.

* * *

## Labora kunsido

la 3 Aŭgusto 1926 en New College (Mound).

Komenciĝo 10 h. Prezidas S-ro Page.

S-ro *Page* klarigas la plej gravan parton de la proksima vintra programo de nia laboro, pri kiu jam atentigis D-ro Privat en la Julia numero de „Esperanto" de UEA. Li atentigas pri la neceseco eduki nian anaron en la instruado. Ĝis nun la instruistaro ankoraŭ ne havis la plenan fakan rolon, kiun ĝi devus havi.

Li samtempe sciigas pri la favorigo al Esperanto de la brita gazetaro kaj precipe de tiu de Edinburgh dum la kongreso.

Prof. *Bovet* parolas poste tre detale pri la eksperimentoj, kiujn nun preparas la fama instituto J. J. Rousseau en Genève kaj kiu certe havas tre gravan signifon por Esperanto.

Temas rilate principon pri du malsamaj eksperimentoj.

La unua koncernas la instruadon de Esperanto en lernejoj publikaj kaj privataj, kie oni instruas la infanojn aŭ junulojn en Esperanto. La eksperimento etendiĝas ne nur je Esperanto. Prof. Bovet proponas, ke oni dum unu jaro anstataŭu la lernadon de iu fremda lingvo per Esperanto. Tio ebligus la plenan instruon de nia lingvo. Post unu jaro la fremda lingvo povus repreni

sian lokon. Esperanto tamen restus en la programo kiel instrua lingvo de fakscienco. La plej bona kaj plej taŭga fako ĝisplue estos geografio. La instruado de geografio per Esperanto donus bonegan bazon. Ĝi ebligus ankaŭ, ke infanoj korespondu internacie pri tiu scienco. Evidente necesas speciala lernolibro por tio. Jam ekzistas kelkaj taŭgaj verkoj en tiu kampo.

La dua eksperimento estas pli simpla. Ĝi ne nur interesas la profesiajn instruistojn, sed ĉiun instruanton de nia lingvo. Temas pri mezurado de edukaj rezultoj laŭ la metodo uzita en la usona Art Teachers' College, kie i. a. D-ro Thorndyke elpensis div. mezurilojn por mezuri la progreson de l' instruado en div. fakoj kaj ĉefe en lingvoj.

Oni uzas specialajn „testojn" (demandarojn) tiucele. La Instituto J. J. Rousseau, kiu faras tiun eksperimenton en pluraj fakoj ĝin ankaŭ uzos por Esperanto. Prof. Bovet petas, ke interesitaj instruistoj sin turnu al li, por ke li informu ankoraŭ pri la necesaj detaloj.

Je la fino li ankoraŭfoje atentigas pri la graveco de tiu objektiva kontrolo de edukadaj rezultatoj por la ĝenerala enkonduko de Esperanto en lernejojn kaj petas pri ĉiuflanka subteno de sia laboro. Li anticipe jam dankas al ĉiuj helpontoj.

S-ino *Isbrücker* kaj Prof. *Bujwid* havas ankoraŭ kelkajn skrupulojn pri la aranĝo de tia ampleksa eksperimento kaj esperas, ke rilate la detalojn oni trovos ankoraŭ rimedojn por plenumi ĉion laŭbezone.

S-ro D-ro *Olsvanger* salutas tiun seriozan planon. Li akcentas la nepran necesecon plialtigi la nivelon de nia nuna esperanta laboro, de kiu fakto dependas la bona sukceso de tia grava eksperimento kaj la plua progreso de nia afero.

S-ro D-ro *Höppner* kaj S-ro *Neužil* timas pri la indiferenteco de multaj instruistoj kaj la malfacilaĵoj, al kiuj renkontos la lernejaj aŭtoritatoj ĉe siaj registaroj. Ambaŭ do proponas, ke la Instituto J. J. Rousseau sendu apartan alvokon pri tiu eksperimento al la registaroj, por ke ili favoru la tutan aferon.

S-ro *Kreuz* atentigas pri la fakto, ke ne temas pri ĝenerala eksperimenta projekto por ĉiuj lernejoj kaj landoj. Sufiĉas unue, rekoni la principojn de la Instituto J. J. Rousseau kaj eksperimenti tie, kie tio estas ebla. Internacia Centra Komitato jam interkonsentis kun la Instituto pri subteno de tiu ĉi laboro, por ke ĝi ricevu kiel plej eble multajn rezultatojn.

S-ro *Bugge-Paulsen* tamen opinias, ke estos utile atentigi pri ĝi la registarojn.

S-ro *Page* opinias, ke la eksperimento estas grava en kiu ajn amplekso. Li juĝas pli grava la necesecon konatigi la planon al la instruistaro de la tuta mondo.

S-ro *Lechmere-Oertel* rekomendas etendigi la uzon de Esperanto por instruado de aliaj lingvoj.

S-ro *Page* dankas al Prof. Bovet pro la detala parolado pri la tuta problemo kaj alvokas al ĉiuj esperantistoj, ke ili faru ĉion necesan, por ke la eksperimento plene sukcesu.

Ĉe intima kunlaboro kun la Instituto J. J. Rousseau ĝi certe sukcesos.

S-ro *Ellersiek* uzas la okazon por raporti pri instrua eksperimento al plenkreskuloj, farita en konkursa kurso de la firmo Mosse, Berlin. Bazo por la partopreno al la kurso estis la edukiteco de meza lernejo. Partoprenis 52 personoj, el kiuj 18 persistis ĝis la fino. La kursoj okazis dusemajne kun po 1 leciono de $1^1/_2$—2 horoj. De la 4-a leciono komencis la ekskluziva instruado per Esperanto. La 4 plej bonaj estis premiitaj. Rimarkinde estas, ke ĉiuj estas virinoj.

F-ino Joachim, F-ino Stiller kaj F-ino Moelke (tri el la premiitoj) poste parolas kiel pruvo libere al la kongreso kaj montras rimarkindan perfektecon en nia lingvo. La 4-a premiito S-ino Hernstadt-Oettingen jam montris sian konon per bonega deklamado en la interkonatiĝa vespero.

Prof. *Bujwid* gratulas pri tiu bonega sukceso kaj proponas, ke la kongreso esprimu sian dankon al la firmo Mosse. Akceptita per aplaŭdo.

S-ro *Applebaum* samtempe sciigas pri simila eksperimento de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire por lernantoj ne pli aĝaj ol 16 jaroj. La plej bona lerninto S-ro Fisher laŭ lia instigo post tio alparolas la kongreson en flua Esperanto.

S-ro D-ro *Höppner* parolas pri la vizita interŝanĝa klubo de Bradford, kies membro li estas kaj klarigas la principojn de tiu klubo. Li sugestas, ke tiu vizita interŝanĝo estu plivastigata.

S-ro *Isbrücker* rekomendas al li, sciigi sian projekton kun necesaj detaloj al UEA, kiu devas interesiĝi pri tia praktika afero.

Post elĉerpiĝo de la tagordo la konstanta ĝenerala sekretario laŭtlegas ankoraŭ vicon da telegramoj kaj salutoj.

Sekvas la salutparoloj de pluraj faksocietoj.

D-ro *Spielmann* salutas en la nomo de Ilepto. Li sciigas la programon kaj labormanieron de tiu grava asocio kaj rekomendas al I. C. K. turni sian atenton al tiu laboro. La kongreso subtenas tiun vidpunkton.

Post li parolas S-ro Lechmere-Oertel por Internacia Scienca Asocio, S-ro Major por la Internacia Homama Asocio, S-ro Bethke por la Tutmonda Polica Ligo [Wien], S-ro Page [filo de la prezidanto] por la Skota Ligo.

Aldonas al tio siajn bondezirojn la ĉeestantaj reprezentantoj de la Hebrea Universitato en Jerusalem kaj de la Malpermesa Movado Kontraŭalkohola.

La prezidanto fermas la laboran kunsidon je la 1 horo. Post komuna kanto la ĉeestantoj disiras.

* * *

## Ferma Kunsido

la 7 Aŭgusto 1926 en New College (Mound).

Komenciĝo: 9,30 h. Prezidas S-ro Page.

La kunsido malfermiĝas per komuna kanto. La prezidanto bonvenigas la ĉeestantojn kaj esprimas sian grandan bedaŭron, ke la belaj kongrestagoj per tiu-ĉi ferma kunsido finiĝas.

La konstanta ĝenerala sekretario laŭtlegas telegramon ĵus ricevitan de D-ro Privat kaj kiu tekstas:

„Kore dankas afablan telegramon, pense kun vi, kuraĝe antaŭen. Edmond Privat."

Ĝi estas salutata per granda aplaŭdo.

La prezidanto sciigas, ke por kontentigi tiujn, kiuj ankoraŭ ne aŭdis la voĉon de la prezidanto de I. C. K. aŭ ne povis ĝin aŭdi denove pro lia neĉeesto, la L. K. K. decidis aŭdigi lian voĉon per gramofona disko. Post tio el gramofona funelo aŭdiĝas ĉapitro pri D-ro Zamenhof dum la Kongreso en Boulogne, parole fiksita de D-ro Privat. [El „Vivo de Zamenhof".] La kongresanoj ĝin respekte aŭskultas kaj vive aplaŭdas.

La ĝenerala sekretario, S-ro Warden, diskonigas, la konsiston de la kongreso: Aliĝis entute 960 personoj el 36 landoj, nome:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio | 2 | Germanujo | 87 | Nov-Zelando | 2 |
| Aŭstrio | 7 | Hispanujo | 15 | Palestino | 1 |
| Brazilio | 1 | Hungarujo | 7 | Polujo | 14 |
| Belgujo | 2 | Ĥinujo | 1 | Rumanujo | 1 |
| Bulgarujo | 2 | Irlando | 6 | Ruslando | 1 |
| Britujo | 693 | Italujo | 11 | Saar-teritorio | 1 |
| Ĉeĥoslovakio | 10 | Islando | 2 | Sud-Afriko | 1 |
| Danlando | 5 | Japanujo | 9 | Svedujo | 2 |
| Danzig | 2 | Litovio | 1 | Svislando | 13 |
| Estonio | 1 | Meksiko | 1 | Sudslavio | 2 |
| Finlando | 3 | Nederlando | 23 | Urugvajo | 1 |
| Francujo | 11 | Norvegujo | 2 | Usono | 17 |

S-ro Page donas la parolon al S-ro Carlos Domingues, Rio de Janeiro, reprezentanto de la Brazila Registaro, kiu pro

malfruiĝo de la ŝipo alvenis nur nun. Kun mirinde klara senerara elparolo kaj granda elokventeco S-ro Domingues transdonas la saluton de la Brazila registaro kaj de ĉiuj Brazilaj samideanoj; li donas detalan raporton pri la situacio de nia movado en tiu lando kaj montras ke Esperanto tie marŝas bone antaŭen. La kongresanoj dankis al li preskaŭ senfine.

La prezidanto, konstatante tiun dankon, gratulas la brazilajn samideanojn pro tia bonega reprezentanto. Li atentigas ĉefe pri la fakto, ke S-ro Domingues neniam antaŭe vizitis Eŭropon kaj pro tio estas unu el la plej bonaj ekzemploj pri la facileco de Esperanto.

Sekvas la raportoj de la oficialaj institucioj.

### Raporto de Internacia Centra Komitato.

La ĝenerala Sekretario de I. C. K. detale klarigas la enhavon de la publikigita raporto aldonita al la kongresdokumentaro. Li atentigas pri diversaj gravaj progresoj de nia afero kaj pri la multaj penoj kiujn la komitato devis fari por tio. Li speciale akcentas la necesecon intime kunlabori kun I. C. K. Li substrekas kiom malfacila estas la laborado, se mankas kunlabora disciplino. Veraj sukcesoj povas esti atingataj nur per laŭorda severa kunlaboro, Unuiĝo donas fortecon. Kontraŭe malhelpas tiuj samideanoj, kiuj memstare intervenas tie kie la kompetentaj institucioj jam laboras, kaj havas multe pli da influo ol unu persono izolita. Samtempe li informas pri la speciala laboro de la prezidanto de I. C. K. en la Ligo de Nacioj kaj en la kongreso de la Universala Telegrafa Unio. Li atentigas, ke la sukceso ĉe la Telegrafa Unio estas des pli granda, ĉar unuan fojon oficiala institucio rekonis la praktikan uzon de Esperanto kiel helplingvo kaj donis al ĝi oficialan statutecon. Li aludas pri la plej nova sukceso en la Internacia Instituto de Intelekta Kunlaboro (institucio de la Ligo de Nacioj), kiu de nun uzas Esperanton en aparta informservo, simile kiel la Internacia Laboroficejo en la Ligo de Nacioj. — Je tiu okazo li korektas informon en N-ro 42 (3. 7. 26) de „Heroldo de Esperanto", kiu povus ŝajnigi, ke tiu sukceso atingita per daŭraj klopodoj de I. C. K. nome de la prezidanto D-ro Privat kaj de ĝia franca membro S-ro M. Rollet de l'Isle, estus kaŭzita per la simpla propagando de izola samideano.

Fine li dankas al ĉiuj naciaj societoj kaj fakunuiĝoj, samkiel al ĉiuj samideanoj, kiuj en pasinta jaro bonvolis multe helpi al la laboroj de la Komitato. Li esprimas la profundan deziron, ke tiu kunlaboro fariĝu plej sukcesa en venonta tempo.

La kunveno aplaŭde akceptas la raporton.

### Raporto de la Konstanta Reprezentantaro.

S-ro Merchant, prezidanto de K. R., legas la raporton de K. R. pri la agado de post la kongreso de Genève ĝis nun. Rezultas el ĝi, ke K. R. progresas kontentige, kiel vidigas la presita raporto [komp. paĝon 158]. Ĉe la finiĝo de la unua trijara laborperiodo de K. R. kaj antaŭ la transdono de la oficoj al la novelektita estraro por 1926 ĝis 1929, S-ro Merchant kore dankas la naciajn societojn kaj iliajn reprezentantojn en K. R., kiuj montris tiom grandan intereson en la kunlaboro de tiu grava organizo, li plue dankas speciale la sindonan kunhelpon de la Sekretario-kasisto, S-ro Ch. H. Edmonds, kaj petas la membrojn de K. R. konservi ankaŭ al la nova estraro la saman fidon kiun ĝuis la ĝisnuna.

La kongreso akceptas unuanime la raporton de K. R.

### Raporto de UEA.

Anstataŭ la Direktoro de UEA S-ro Jakob, kiu estas malhelpata ĉeesti la kongreson, S-ro Andreo Ĉe, kiel komisiito prezentas la raporton de UEA. Li detale klarigas la situacion de tiu grava Asocio; li ankaŭ informas pri la novaj servoj, kiujn UEA nun starigos. Li petas pri vigla kaj fervora kunlaboro en la seriozaj laboroj de UEA, konsiderante la efikecon de konstanta aplikado de Esperanto por praktikaj celoj li alvokas ĉies helpon. Malgraŭ la kriza situacio en multaj landoj UEA esperas en venonta tempo realigi vicojn da bonaj planoj. Por efika laboro estas necese, ke la nombro de membroj konstante kresku. En la pasinta jaro UEA bedaŭrinde suferis pro la malbona ekonomia stato en kelkaj landoj. Estus dezirinde, ke la nombro de la „gasto-membroj" [tiuj kiuj nur dum unu jara estas membro], reduktiĝu senteble, alie deficito de UEA estas neevitebla.

Pluraj kongresanoj esprimas sian kontentecon pri la funkciado de UEA kaj pri la oferema helpo de ĝiaj delegitoj. Al kelkaj sugestoj pri novaj praktikaj servoj en UEA, S-ro Ĉe petas ke oni sciigu ilin rekte al la Centra Oficejo, por konsidero.

Kun granda danko la kongreso aklame akceptas la raporton de UEA.

### Raporto de Akademio kaj Lingva Komitato.

S-ro Profesoro Th. Cart, prezidanto de la Akademia kaj Lingva Komitato, rezignas pri la laŭtlego de la raportoj de la lingvaj institucioj, sed per flama parolado alvokas daŭrigi la fidelecon al la Fundamento de Esperanto. Sur ĝi staras nia lingvo kaj ĝia evoluo. La lingvaj institucioj en estonto ankoraŭ pli ol nun zorgas pri la bezonoj de Esperanto. Li speciale atentigis pri la neceso de solidareco aparte menciita en la malferma kunsido kaj nepre observota ankaŭ en la lingva kampo. Li gratulas la skotajn samideanojn pro la bonega aranĝo de la kongreso, kaj festas speciale tiujn, kiuj per la traduko kaj prilaboro de la Biblio faris tiom gravan servon al nia lingvo. Kiel unu el la plej malnovaj Esperantistoj li fieras, ke al ili apartenas vico da malnovaj samideanoj, kiuj krom serioza laboro montras tiom da bonhumoro en la kongreso.

Li nomas la dek-okan „ĝoja kongreso" kaj ĉe la fino de ĝi bondeziras „ĝis revido en Danzig."

### Raporto de la Organiza Komitato por la Zamenhofa Monumento.

S-ro Applebaum raportas pri la stato de la Zamenhofa Monumento [komp. paĝo 158] kaj petas speciale pri esprimo de opinioj por la estonta laboro de la komitato kaj pri la propono daŭrigi la kolekton de mono por favorigo kaj subvencio al „ŝlosiloj" laŭ modelo de Ĉefeĉ en novaj lingvoj por honorigi la verkon de Zamenhof. S-ro Merchant proponas uzi la monon por starigo de Esperanto-katedro en iu Universitato. Diversaj parolintoj tamen konstatas, ke por tio la sumo kolektata certe ne sufiĉus.

S-ro Applebaum petas, ke oni sendu skribe sian opinion pri tiu propono aŭ aliajn sugestojn al li, por submeto al la organiza komitato.

### Raporto de la Komisiono por la traduko de l' Biblio.

S-ro M. J. Warden raportas pri la raporto de tiu komisiono por la traduko de la Biblio. Tiu majstra verko nun kuŝas antaŭ la kongreso. La laboro estis komencita antaŭ deksep jaroj de Zamenhof mem kaj transprenita de la Komisiono, kies kunlaborantoj tradukis rekte el la greka lingvo. La Brita Biblia Societo subtenis tiun ampleksan laboron. Aparte mencinda estas la financa subteno de F-inoj Peckover en Wisbech, kiuj donis preskaŭ £ 2000.— por la eldono.

La tuta kongresanaro per vigla aplaŭdo esprimas sian koran bondeziron pri tiu granda verko.

S-ro pastro Bailey proponas aperigi historion de la traduko de l'Biblio en angla kaj en Esperanta Lingvoj. La propono estas transdonata al la komisiono por konsidero.

S-ro *Isbrücker* proponas, ke la Kongreso esprimu oficiale sian koran dankon al la komisiono kaj al F-inoj *Pekow.* La propono estas kun granda aplaŭdo akceptata.

S-ro Prezidanto aldonas ankoraŭ kelkajn specialajn dankvortojn personajn al tio.

Por solenigi la momenton S-ino *Herrnstedt*, Oettingen, deklamas versaĵon verkitan de S-ro Direktoro *Flatauer*.

S-ro Prof. *Bujwid* dankas por la bonega organizo de la kongreso. Li mencias speciale la skotajn eldonaĵojn vidigitajn dum la kongreso kaj esprimas koran dankon de ĉiuj.

La prezidanto, S-ro *Page*, dankas post tio kore al la du sekretarioj de la L. K. K., S-roj Warden kaj Harvey, kiuj dum monatoj bonvolis oferi sian tempon por plenumi tiel sindone kaj olereme sian laboron proponitan al la Komitato. Li dankas aparte al S-ro Warden, kiu malgraŭ okazinta akcidento laŭ plena povo plenumis siajn laborojn kaj laŭde bondeziras ĉiujn helpantojn pro la bonega helpado.

S-ino *Isbrücker* memorigas pri la bonegaj impresoj dum la restado kaj esprimas sian profundan dankon al la tuta urbo, dezirante esprimi per tio la opinion de ĉiuj.

S-ro *Isbrücker* dankas, en la nomo de la kongresanoj, al la kunlaborantoj de la Somera Universitato, kiuj tiel modele plenumis siajn prelegojn kaj donis tiel altan nivelon al la tuta aranĝo. Li esperas, ke la venontaj prelegontoj profitos el tio.

S-ro *Harvey* dankas al la urba magistrato kaj la konsilantoj por ĉiuj faciligoj kaj la intereso, kiun ili volis montri al nia afero. Li dankas aparte al la ĥoristaro kaj la direktoro de la ĥoro de Glasgovo. Li ankaŭ esprimas dankon al la Societo de Newhaven kaj la Highland Reel & Stratspen Society, al la gazetaro kaj la diversaj kunhelpintoj. La kongreso substrekas tiun dankon per denova aplaŭdo.

S-ro *Percy Merrick* aldonas la dankon de 27 blinduloj, kiuj ĉeestis la kongreson.

S-ro *Merchant* dankas tutkore al I. C. K. pro la granda kaj efika laboro, kiun ĝi faris en la lasta jaro kaj aldonas pluan dankon al la ĝenerala sekretario de I. C. K. pro liaj laboroj, kaj speciale pro tio ke li ankaŭ dum la kongreso prenis sur sin multajn taskojn por helpi la komunan agadon. Fine li dankas formale al ĉiuj oficantoj.

Al propono de S-ro *Horner*, sendi al ĉiuj organizacioj delegintaj reprezentanton al la kongreso apartan dankleteron, S-ro Kreuz respondas, ke tio estos farata laŭ kutima maniero.

S-ro *Page* per entuziasmaj vortoj skizas la historion de nia afero, vidigas per elokventa parolado la progresojn, kiujn ni faris dum la ekzistado de Esperanto. Li pentras imprese la necesecon aplikadi Esperanton, kiam ajn kaj kiel ajn ĉefe por praktikaj celoj. Li komparas Esperanton kun Radio kaj montras la amplekson de nia movado. Li alvokas al intensa daŭrigo de nia laboro, kiu estas laboro por la civilizacio kaj por la bono de la homaro.

Kun multaj koraj bondeziroj li deklaras la kongreson fermita.

Post komuna kantado de la „Espero" la gekongresanoj disiras.

* * *

## Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj. Raporto al la XVIII-a Kongreso en Edinburgo.

Laŭ niaj antaŭaj raportoj la enspezoj de K. R. per la kotizoj pagitaj de la Naciaj Societoj estas:

Por la jaro 1923 . . . Svisaj frankoj 1716,95
Por la jaro 1924 . . . Svisaj frankoj 2651,54

Tamen, por la jaro 1925 la sumo pliiĝis ĝis proksimume Svisaj frankoj 2900.

La detaloj pri la pagoj estas la jenaj:

**Tabelo de Kotizoj enkasigitaj por la jaro 1925.**

| | | | Membroj | Voĉoj | Sv. fr. | £ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentina E. A. . . . . . . . | | | 40 | 40 | 25.22 | 1. 0. 0 |
| Australazia E. A. . . . . . . | | | ? | 205 | 129 25 | 5. 2. 6 |
| Aŭstria E. D. . . . | A. š. | 27 50 | ? | 55 | 19 75 | 15. 8 |
| Belga L. E. . . . | B. f. | 285.— | 570 | 285 | 57.78 | 2.13. 9 |
| Brita E. A. . . . . . . . . . | | | 1100 | 1100 | 693.55 | 27.10. 0 |
| Ĉeĥoslovaka A. E. | Ĉ. kr. | 440 | 220 | 220 | 66.83 | 2.13. 0 |
| G. E. L. en Ĉ S. | Ĉ. kr. | 1500 | 750 | 750 | 224.98 | 8.18. 5 |
| C. Dana E. L. . | D. kr. | 115 5 | 231 | 231 | 131.77 | 5. 4. 6 |
| Franca [SEPE] . | Fr. fr. | 586.5 | 1173 | 586 | 141.66 | 5 12. 4 |
| Germana E. A. . . | RM | 200.— | 2500 | 500 | 246.— | 9 15. 1 |
| Hispana [FZ] . . . | H. p. | 200 | ? | 333 | 148.37 | 5.17. 8 |
| Kataluna E. F. . . | H. p. | 150 | 300 | 250 | 112 96 | 4. 9. 7 |
| Hungarlanda E. S. | Svis. fr. | 50 | | | | |
| | Ned. fl. | 5 | 300 | 150 | 60 33 | 2. 7.10 |
| Japana E. L. . . . | Yen. | 100 | ? | 500 | 212.15 | 8. 8. 3 |
| Latva [Riga S] . . . . . . . | | | ? | ? | 25 22 | 1. 0. 0 |
| Nederlanda S. E. | Ned. fl. | 70 | 280 | 280 | 145 85 | 5.15. 8 |
| Pola E. A. . . . . | Zl. | 50 | ? | 100 | 47.49 | 1.17. 8 |
| Sveda E. F. . . | Sv. kr. | 56.80 | 284 | 142 | 77.02 | 3. 1. 1 |
| Amerika [EANA] | Us. d. | 40 | ? | 400 | 205.22 | 8. 2. 9 |
| Kalifornia E. A. . | Us. d. | 4.3 | 43 | 43 | 21.64 | 17 2 |
| | | | | | 2803 04 | 111. 2.11 |

Svisa E. S. pagis Sv. fr. 100 kaj havas voĉojn 200. Tiun sumon tenas I. C. K.

Societo „Konkordo" pagis Zl. 24 30 kaj havas 49 voĉojn. Tiun sumon tenas I. C. K. en Genève.

| | |
|---|---|
| Rento ricevita . . . . . . . . . . . | 2. 5. 0 |
| | £ 113. 7.11 |
| Deprenu elspezojn . . . . . . . . | 1.17. 6 |
| | £ 111.10. 5 |

Dum la periodo de ĉi tiu raporto okazis kunsido de KR en Locarno, kie laŭ proponoj de Franca kaj Pola Societoj oni modifis la Internan Reguloron de KR en certaj detaloj.

En tiu kunsido pro eksiĝo el Internacia Centra Komitato de S-ro Page, oni proponis D-ron Stromboli por lin anstataŭi.

Samtempe ĉar nia periodo de ofico finiĝas en la nuna kongreso, la kunsido proponis novan estraron de KR por la dua periodo de tri jaroj nome: S-ron Petiau kaj S-ron Schoofs de Belga Esperantista Ligo.

Laŭaranĝe Internacia Centra Komitato kolektis la skribajn voĉesprimojn de la Naciaj Societoj kaj sciigis al ni ke dek-ok societoj kun granda plimulto de voĉoj akceptis la proponojn de Locarno. Tiuj proponoj do, fariĝas validaj.

Tuj post la nuna kongreso ni transdonos ĉiujn aferojn de KR al la nova estraro, kaj finante nian laboron ni dankas la naciajn societojn por ilia subteno kaj esprimas nian firman kredon pri la granda estonteco de nia movado.

*John Merchant* — Prezidanto
*Charles H. Edmonds* — Sekretario-kasisto

* * *

# Zamenhof-Monumento.

## Raporto de la Organiza Komitato al la XVIII-a Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgo 1926.

Kiel mi raportis en Genèvo jam en Januaro 1925, la Loka Pormonumenta Komitato en ĉeesto de la Zamenhofa familio

akceptis la finstarigitan monumenton: mankis ankoraŭ kelkaj aldonoj, florbedaj aranĝoj ŝtuparoj kaj kelkaj ŝanĝetoj en la literaro. Tio estis poste zorge kompletigita kaj la familio kun la monumenta komitato sciigis sian plenan kontentecon pri la monumento.

Baldaŭ poste venis deziresprimo de la Pola Esperantistaro, subtenita de la loka por-monumenta komitato, por iu solena inaŭguro de la monumento, ĉar laŭ ties opinio ne decas, ke tiu impona kaj fama monumento restu en tiu seninaŭgura stato ĝis 1927, du jarojn post ĝia finkonstruo. Aliflanke oni esperis gajni grandan propagandan profiton por la movado en Polujo per tia ceremonio.

La Organiza Komitato ne povis kontraŭstari tiun postulon, kaj komunikinte la decidon al la Internacia Centra Komitato, konsentis al la deziro de niaj polaj samideanoj por solena inaŭguro de loka karaktero. Samtempe ĝi petis la esperantistaron kaj oficialajn instituciojn subteni la solenon.

Kiel ni jam raportis en „Esperanto" kaj „Heroldo de Esperanto" tiu solena inaŭguro okazis la 18-an de Aprilo, kaj dank' al la vigleco kaj entuziasmo de niaj polaj samideanoj kaj la organizantoj de la afero, la ceremonio alprenis tre imponan karakteron kaj bonege sukcesis laŭ ĉiuj vidpunktoj. Multaj Varsoviaj oficialaj kaj urbaj institucioj estis reprezentitaj; ankaŭ la Pola Registaro, kiu konstante subtenis nian aferon kaj montris simpation, sendis specialan reprezentanton. Sendube la movado en Polujo profitis multe de la afero.

Tio tamen ne ŝanĝos la originalan decidon dum la kongreso en Ĝenevo, kaj la pilgrimon al la tombo de Varsovio post aŭ dum la Danziga Kongreso. La kuratorecon de la Monumento dumtempe prizorgos la familio Zamenhof mem kun la helpo de anoj de la malnova loka por-monumenta komitato ĝis la elekto de la nova komisiono por la daŭra kuratoreco; precipe por la proksima jaro ĝis la Danziga kongreso.

Pri la pilgrimo al Varsovio proksiman jaron, ni kredas ke tiu pilgrimo ne perdos sian valoron pro la nunjara ceremonio. Ĝi estas ja tute alia afero, ĝi havos vere vivantan internacian karakteron, kiam diversnacia amaso, ĉiuj disĉiploj de la Majstro venos kaj metos laŭrojn sur la tombon kaj monumenton de la kreinto de Esperanto. Tio estos aldona gloro por honorigo de nia Majstro.

La laboro de nia komitato estas finita, kaj ni povus fermi niajn librojn kaj bilanci la financojn hodiaŭ por neniam denove aperi antaŭ estonta kongreso, sed la decido de Ĝenevo, daŭrigi la monkolekton, devigas nian komitaton daŭrigi ankaŭ sian ekziston. Mi uzas la vorton ekzisto intence, ĉar dum la pasinta jaro, ĝi ne vivis, ĝi nur ekzistis. Ĝia vivo post tiu kongresa decido rajtiĝas nur, se ĝi kolektas monon, kaj tion ĝi ne faris.

Nuntempe mankas definitiva projekto por plua agado de memoriga celo, kaj ĝis tiu projekto materialiĝos, la komitato havas nenian esperon ricevi monon de la esperantista publiko. Niaj afablaj samideanoj kvankam malrapide. certe ŝatos meti la manon en siajn poŝojn, por monero, se ili scias la celon de la monkolekto.

La Esperantistoj ŝajnas esti tiom okupitaj per propagando de Esperanto, ke ili ne povas trovi la tempon por dediĉi al la ordigo de la jam konstruita domo. La kongresaj kunvenoj ne povas doni la tempon por diskuto. Estas eĉ ne praktike tion fari dum publikaj kunvenoj de la kongresoj. Restas do por individuaj samideanoj kaj grupoj esperantistaj helpi la solvon de tiu problemo. Ni alvokas ilin nun pri pripensado de tiu problemo dum la vintra sezono. Ni nur havos la kuraĝon peti monon kiam ni havas definitivan celon.

Unu sugeston ricevitan de la Ĝen. Sekretario de la Centra Komitato, mi nepre devas mencii ĉi tie, ĉar ĝi venas de nia ĉefa organizo, kiun oni ja ne povas ignori. La propono estas ke ni daŭrigu la monkolekton por la eldono aŭ subvencio de la Ĉefeĉaj ŝlosiloj, kiuj parte elĉerpiĝis, laŭ la nova aranĝo de I. C. K. kaj por novaj lingvoj eldonoj, kiujn ni ĝis nun ankoraŭ ne havis, ekzemple la Turkan, Hindustanian, Hebrean ktp. Tiuj certe estas necesaj, ni povus vendi tiujn, kaj poste uzi la monon por alia memoriga celo aŭ por eldonado de aliaj ŝlosiloj. Laŭ la opinio de l' ĝenerala sekretario de I. C. K. la aperigo de tiaj ŝlosiloj en ekzotikaj kaj nereprezentitaj lingvoj estus vera honorigo de l' verko de nia granda majstro Zamenhof.

*Financoj.* La Kasisto raportas pri la sumo de £ 74 9 1 en la kaso. Ni bezonos tiun sumon, por novaj aldonoj al tombo, kiel: speciala barilo ĉirkaŭ la tuta tombo, kaj ŝirmilon en certa flanko de la monumento, kiu forigos malbelan aspekton en la fono de la monumento, kaŭzitan de du tre malbelaj tomboŝtonoj, kiuj aspektas kiel fumotuboj. Tion ni nepre devas fari je kosto de ĉirkaŭ £ 5 aŭ eĉ £ 30. La ceteran sumon ni bezonas por la kuratoreco de la monumento kaj la ora libro promesita. La materialo por tiu libro de tempo al tempo kompletiĝas kaj vi certe ricevos ĝin iun tagon.

Mi finas kun profundaj dankoj al niaj Esperantaj Gazetoj, kaj al la samideanoj de la Varsovia Komitato. kiuj multe helpis al ni ĉiurilate. La laboro estus preskaŭ ne ebla se tiu loka komitato ne estus nin helpinta.

*J. D. Applebaum,*
Honora Sekretario de la Organiza Komitato.

---




## La Sesa SAT - Kongreso en Leningrad

**6—9 Aŭgusto 1926**

Oficialaj poŝtmarkoj de l' U. S. S. R -poŝto eldonita honore al la SAT-Kongreso




En la „Taŭrida Palaco" — kie iam kunsidis la unua rusa parlamento, la „Cara Dumao", solene malfermiĝis la *Sesa Proletaria Esperanto-Kongreso,* kiel ĝin nomis la oficiala poŝta ŝtampo. La kongreson salutis, per oficiala letero, la Akademio de Sciencoj de USSR. „ . . La Akademio de Sciencoj esprimas la esperon, ke la esperantista movado estos potenca puŝo al la vasta disvolvo de internaciaj kunligoj inter la laborularo, unuigante la laborulajn amasojn en la nobla celado al la progreso kaj solidareco." Tiuj vortoj. tiritaj el la akademia letero, sonas nekutime al niaj oreloj, tiomolte aŭdintaj malfavorajn oficialaĵojn de la okcidentaj akademioj. Aliĝis 684 anoj el 27 landoj, el kiuj partoprenis ĉirkaŭ 400—460 Sovetanoj kaj 140 alilanduloj. Unua laborkunsido aŭdis raporton de la Plenuma Komitato de SAT, kiun legis K-do Lerchner. Poste sekvis raportoj kaj diskutoj pri la movado, internacia korespondado, radio — tiom kiom ili tuŝas la laboristaron. Vespere koncerto en la klubo de „Ruĝa Revuo", kie deklamis, kantis, muzikis nur laboristoj, la amatoroj. Dimanĉo estis destinita al ekskursoj, sed parto da kongresanoj kunsidis. Lunde matene la sekciaj kunsidoj: ateistoj, radiistoj, fabrikkorespondantoj. Komuna fotado kaj kinofilmado. Vespere — antaŭlasta kunsido dediĉita al diskutoj pri la rilatoj inter SAT kaj lokaj organizaĵoj de esperantistojlaboristoj. La sonoj de la „Internacio" finas la kongreson, post kiu okazas neoficiala velpromeno sur la maro. Interesa estis salut-parolo, dum la malfermo, de la reprezentanto de sovetaj verkistoj: „ . . mi faris en mia vivo grandan eraron, kaj mi venis por konfesi al vi tiun eraron. . . . mi ne kredis eblecon de la artefarita lingvo, mi rilatis al esperantistoj kiel al utopiuloj. Sed vi kaj via lingvo estas potenca vivanta forto."




# Internacia Instituto de intelekta kunlaboro.

La movado de internacia reorganizado kiu datas de la fino de la milito kaj kies plej alta esprimo estas la Ligo de Nacioj, ne povis preterlasi la intelektajn problemojn. Post la organizo de laboro, post la higieno, la transito kaj post multaj aliaj reguligoj diskutitaj en Ĝenevo sub la signo de la internacia kunlaboro, ŝajnis, ke la kampo de scienco, de literaturo, de arto kaj de instruado devas esti ankaŭ alcelita per la bona komuna volo kaj organizita el vidpunkto de komuna intereso.

Tuj post la milit-fino multaj alvokoj estis adresitaj al la Ligo de Nacioj por ke ĝi plenumu tiun ĉi volon.

La 18 Septembro 1920 la Ĝenerala Kunveno de la Ligo de Nacioj voĉdonis rezolucion invitante la Konsilantaron partopreni kiel eble plej larĝe en la klopodoj realigi la internacian organizon de „intelekta laboro". Tuj de tiu momento la ĝenerala sekretario antaŭvidis la kreon de nova organismo. Kaj en jaro 1922 ekfunkciis komisiono konsistanta el 12, poste el 14 membroj sub la prezido de franca filozofo Bergson, kies celo estis studado de internaciaj problemoj de intelekta kooperado kaj edukado. Dotita tamen per nesufiĉaj rimedoj tiu ĉi komisiono konstatis tuj, ke al ĝi estos eble nur prepari, sed ne efektivigi la programon. Unuvorte, por entrepreni la profundajn studojn kaj postsekvi la multeflankajn traktadojn la Komisiono de Intelekta Kooperado bezonis konstantan oficejon kun oficistaro kaj monon.

En Julio 1924 Francujo per letero de la Ministro de Publika Instruado proponis la pagon de elspezoj por la dezirata instituto sub la kondiĉo, ke la sidejo de la instituto estu Parizo; cetere la L. d. N. pere de la Komisiono de Intelekta Kooperado administros la novan institucion laŭ sia ebleco; oni devis precipe krei grandan sekretariejon de unu Konsilanta Komisiono de la Konsilantaro de la L. d. N. do *Institucion pure internacian.*

Tiu propono estis akceptita de la Ĝenerala Kunveno de la L. d. N. en Septembro 1924. La Ĝenerala Kunveno komprenis, ke oni devas fondi *„clearing house" de intelektaj internaciaj rilatoj.*

En Majo 1925 la Komisiono de Intelekta Kunlaboro reguligis detale la funkciadon de la estonta instituto kaj ĝian regularon. La 16 Januaro 1926 la Internacia Instituto de Intelekta Kooperado estis inaŭgurita en la centro de Paris, en Palais-Royal, kies gravan parton ĝi okupas; la konstruaĵon Montpensier post la Palais-Royal.

* * *

La instituto konsistas el sep sekcioj kiuj respondas al ĉefaj grupoj de solvotaj problemoj kun dudeko da oficistoj helpataj de nur necesegaj kunhelpantoj.

La direktoro de la instituto estas franco, S-ro Julien Luchaire. La ĉefoj de la sep sekcioj:

1. Sekcio de ĝeneralaj aferoj,
2. Sekcio de universitataj rilatoj,
3. Sekcio de sciencaj rilatoj,
4. Sekcio de literaturaj rilatoj,
5. Sekcio de artistaj rilatoj,
6. Sekcio jura,
7. Sekcio informa

estas respektive anglo, belgo, germano, hispano, italo, polo. La ofico de la ĉefo de literatura sekcio vakas, vicĉefo, sviso, anstataŭas dume.

Kiel oni vidas la elekto de direktoroj de la diversaj sekcioj estas sufiĉa pruvo, ke la instituto estas antaŭ ĉio internacia organizaĵo. Ĝi estas oficejo de internacia administrado, la konstanta sekretariejo de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado ĉe la L. d. N.

Sed kiajn punktojn devas speciale atenti la Internacia Instituto? Oni povas jam nun citi sekvantajn punktojn de ĝia agado kaj de ĝiaj projektoj:

Kreo de la rajto de scienca propraĵo.

Pliĝeneraligo de leĝoj kaj regularoj protektantaj la artajn verkojn kaj la rajtojn de artistoj je iliaj verkoj.

Internacia organizado de la bibliografio kaj de scienca informado.

Plivastigo de internacia interŝanĝo de publikaĵoj.

Unuigo de la sciencaj nomaroj.

Akcepto de internaciaj reguloj por faciligi la disvastigon de libroj kaj de presaĵoj.

Akcepto de internaciaj rimedoj helpantaj la eldonan agadon kaj precipe la sciencajn kaj klerigajn eldonaĵojn.

Akcepto de internaciaj reguloj por interŝanĝo de profesoroj kaj studentoj, egalrajtigo de diplomoj kaj de la studa tempodaŭro.

Internacia interkonsento rilate al muzeoj kaj al art-ekspozicioj.

Internacia interkonsento rilate al la reĝimo pri bibliotekoj.

Preparo de internacia reĝimo por la disvastigo kaj perfektigo de kinematografio.

Ellaboro de registro de muzeoj.

Fondo de internacia federacio de ĵurnalistoj.

* * *

Ĝenerale la instituto priatentas la deziresprimojn de kongresoj kaj asocioj celantaj la plibonigon de internacia intelekta kunlaborado. Aliparte la instituto atente pristudas la ĵurnalojn, revuojn, librojn, kiuj enhavas ideojn aŭ faktojn koncernantajn al la movado de intelektaj internaciaj rilatoj kaj al la organizado de la scienco, literaturo, arto kaj instruado. Ĝi publikigas bultenojn por tiu celo.

Kaj fine ĉu oni reĝustigu la eraron de tiuj, kiuj kredis, ke la Internacia Instituto estas anstataŭonta aŭ eĉ malhelponta la agadon de naciaj institucioj, Akademioj, Universitatoj, internaciaj oficejoj por intelekta disvastigo?

Fine ni akcentu: La Internacia Instituto de Intelekta Kooperado estos ĉiam helpo kaj neniam konkuranto por la intelektaj institucioj.

Laŭ cirkulero en Esperanto dissendita de I. I. I. K.

---

# Nova Tipo de Transporta Aŭtomobilo

Malgraŭ tio ke la aŭtomobiloj estas uzataj por la transporto de ŝarĝoj kaj varoj jam pli ol 20 jarojn, kaj malgraŭ la progresoj de la aŭto-motoroj, la korpo mem de la veturilo ne estis ĝis nun notinde pli-



perfektigita. Des pli atentinda estas la nova tipo de la ŝarĝa aŭto kiun oni rimarkis en la aŭtomobila ekspozicio en Genève, Junio 1926. La originaleco de tiu tipo estas ke la mana laboro de la sur- kaj elŝarĝado preskaŭ tute nenecesiĝas kaj la forto de la motoro mem surŝarĝas kaj elŝarĝas la aŭtomobilon. La ŝarĝa platformo estas movebla per kablo kaj per sistemo da radoj, cilindroj, funkciataj de la aŭtomotoro.

Unua foto montras la aŭtomobilon kiu venis por preni la platformon kun kvin pezegaj betontuboj: la ĉaristo kroĉas la kablon al la hoko de la platformo, eksidas ĉe la motoro, kaj funkciigas ĝin; la aŭtomobilo iom post iom proksimiĝas al la platformo, levas ĝian randon kaj glitas sub ĝin; la sistemo funkcias kiel horloĝo, flue, precizege, sed potence, ĉar 5000 kg estas tiregataj supren. Post du minutoj



la platformo kun la betontuboj staras jam sur la aŭtomobilo. Dua foto montras ŝarĝon da ligno en la momento kiam la platformo estas jam super la tero, sed ankoraŭ ne sur la aŭto, tiu interesa momento de la ekvilibro daŭras nur kelkaj sekundojn, kaj tuj poste komenciĝas la kliniĝo, laŭ tute flua sen-



halta glitado. Tria foto vidigas la momenton kiam la aŭto elŝarĝis rubojn: la platformo staras vertikale, kaj post ĝia tuta malplenigo la aŭto ĝin ree forprenos. Se la aŭto posedas du—tri platformojn, ĝi povas senhalte labori je al- aŭ forportado de brikoj, ŝtonoj, kestoj, traboj, ne perdante sian tempon en atendado, kio ĝis nun estis ordinara afero. Tial la nova tipo ŝparigas la manforton, la tempon, kaj permesas maksimuman utiligadon de la aŭtoveturilo. La elpensinto de tiu sistemo estas Ĝenevano *E. Vonnez*.*)

*) Informojn en Esperanto kaj en la ĉeflingvoj riceveblaj de Ch. Jaquemot, 3 rue d'Aubépine, Genève.



# LITERATURO



## La Kariatido.

De *Henri Barbusse.*

La malhelaj masoj troviĝas ĉe la bazo de l' montoj; la mondo malheliĝas iom post iom kiel uragano. La konverĝaj linioj de la vojoj, de la grandaj vojkruciĝoj, la negocoj kaj ekspedicioj, profundiĝas en la malaltaĵojn, kiuj spiras kaj el kiuj eltiriĝas la forto, la vivo kaj la altecoj mem de la reĝoj.

Tie, tute malsupre, mia rigardo — tiu duono de mi mem — rekte falas de la rando de iu malvasta plataĵo, inter la rigidaĵojn de la malpleno, kvazaŭ ŝtono, forigante de mi longan persistegan kapturniĝon: mi vidas movon el kiu oni distingas nur ĝian movon. Tio estas farita el punktoj, je distanco, kie koloroj ne plu vidiĝas. Estas la piedpremita tavolo, la aglomerita homamaso, la bestsimila amaso, malalta kaj terkolora, kiu obstinege laboras kontraŭ la elementoj per iloj, aŭ kontraŭ sin mem per iloj freneziĝintaj.

Nuboj da voĉoj. Kion diras ili, tiuj voĉoj? Per kiu brukriado ili sin superas kaj rekoniĝas? Estas ĉiam la sama krio, kiun ili kantas, kiun ili ĝemas aŭ kiun ili ploras. Ili ĉiuj krias: „Mi, mi unue!“ Ili diras: „Ĉiu kontraŭ ĉiuj.“ Ili ĵetas unu kontraŭ la alia sian vivinstinkton. Ili atestas, ke la sorto terura estas la malvenko aŭ la venko, kaj ke inter tiuj du ne estas paco.

Kaj ankoraŭ pli malalte mi vidas, kvazaŭ mi subite estus ĵetita apud ĝi, estaĵon kiu pene kurbiĝas sub ŝarĝo . . . Mi vidas duone profundiĝintan en la tero kaj duone droniĝintan en l' aero, la *Kariatidon.*

Estas tio, kio subtenas ĉion. La tuta mondo estas etaĝa palaco, estas templo, estas trono, bazita sur ĝia horizontala nuko, surmetita ĉe la simetriaj fundamentoj de ĝiaj kurbitaj ŝultroj, ĉe la larĝaj malhelaj plataĵoj de ĝiaj renoj kaj dorso; ĉe la ŝtona dentaĵo de ĝia spino. La trunko de la venkito estas elartikigita pro la universa ŝarĝo. Ĝia brusto kaj ĝia grimaco estas ter- kaj ferŝtonkoloraj, pioĉitaj kaj forĝitaj, ĝibitaj kaj truitaj pro la penado. Estas la monstro de la streĉado, kiu levas super la malsupraj regionoj, kiu suprenlevas el la neniaĵo, la potencon, la leĝon kaj la okazintaĵojn, kiu portas la vivantan gloron, Atlaso! La malbelegeco de la paroksismo, de la malpuraĵoj, de la malvirto, la vojsulkoj de la mensa nokto, plimalbeligas la vizaĝon de la Titano. Ĝi estas en la malriĉa mallumo, en la kota mallumo. Ĉirkaŭ ĝi, kosma malklereco, kaj la koto en amaso, en multego, en nuboj. Ĉio estas nigra, tiel nigra kiel la kloaka kavo, kiun oni al mi montris sub la templo en Jerusalemo kaj per kiu elverŝiĝas la sango de la viktimoj; tiel nigra kiel tiu senfrukta polvo farita el cindroj kaj bruligitaj mortostoj, el kuiritaj putraĵoj fluintaj de la altaroj, kiun mi vidis amasiĝi en ovala monteto antaŭ la pro oleo malseka statuo de la Zeŭso de Olimpio.

L' ekkrio de l' egoismo kontraŭ la egoismo lin ĉiuparte envolvas per ĝemanta nebulo. La nevenkebla milito por la venko aŭ la malvenko, por la ĉielo aŭ la teraj inferoj. La feliĉo de unuj fariĝis el la malfeliĉo de aliaj . . . Ĉar tio estas ĉie skribita, tio estas proklamita sur ĉiuj frontonoj, sur ĉiuj altaroj, kvazaŭ tiu ridinde kruela lamentado enhavus la tutan misteron de Adamo.

La kapo de proksime vidata. La amboso de la malluma frunto en kiu profundiĝas la instruado de la mallumo. La malgrandigita karcero de la cerbo kie la okuloj eniras per sia duobla stango, samnivelo de la malhela homa puto, rigardo repuŝata kaj malrektigita kiu falas antaŭ si; la buŝo el kiu eliĝas la postulema spirado kaj la regula ĝemo de la muskola maŝino.

Homo, simpla homo iam renkontita, je la krepusko, sur la bordo, boatisto, ŝtonhakisto, aŭ plugisto, aŭ soldato. Devige estas, ke li baraktu morgaŭ kiel hodiaŭ kaj kiel hieraŭ, por ne esti subpremata per ĉio, kio amasiĝas super li. Kaj tamen, ĉar li ĉion portas, liaj ŝultroj enhavas la tertremon!

Kaj tie, en tiu kapo, kiu kontraŭstaras kun la mia . . . Tie, kio? Tie elspruĉos la plezuro de la rifuzo. Tie naskiĝos la vorto de l' amasoj, kies unuaj senformaj formoj estas tiu krio: *Ne!*

El libro „Les Enchaînements“ kun la permeso de l' aŭtoro tradukis *Lucette Janssens.*

---

## Ĉinaj proverboj.

*El la ĉina tradukis* Fontsuno Caj, *Pekin.*

Printempe oni faras planon por tuta jaro, matene — por tuta tago.
Longa vojo konigas forton de ĉevalo, longa tempo — koron de homo.
Sen pasinteco ne fariĝas estonteco.
La tempo rapidas kiel sago.
Homaj koroj diferencas ĝuste kiel iliaj vizaĝoj.
Vidi unufoje valoras pli ol aŭdi centfoje.
Granda talento malfrue maturiĝas.
Momenta eraro — bedaŭro dum miljaro.

# La granda batalo.

Humoraĵo de *Abel Kommok.*

Anna, servistino de sinjoro Tern, portis liajn ŝuojn al David Sapoger, unika ŝuisto de la urbeto, kaj revenis dirante al sia mastro ke la novaj plandoj kostos ok florenojn.

— Kio? Ok florenojn? Por ripari la ŝuojn kiuj kostis dudek tri! Ok florenojn . . . kiam en la ĉefurbo tio kostas nur kvin! Ne . . . estas troe . . . mi mem iras paroli kun David —

Kaj Tern ekrapidis al la ŝuisto, plena je indigno kaj kolereto.

— Saluton, David, kiel ci sanas? Kio nova? A, jen, miaj ŝuoj . . . Diru, kio okazis en la mondo, kiu katastrofo, ĉar ci volas preni ok florenojn pro la plandoj? Ci ja pagigis ĝis nun sep, ankaŭ tro kare, sed ni tion toleris . . . Kaj nun, subite, jen ok . . . —

— Kara sinjoro Tern, kvankam vi estas la plej klera viro de la urbeto, sed, pardonu min, ŝajnas ke vi ne tute atente legas la ĵurnalojn . . . Hieraŭ estis en la komerca rubriko la sciigo ke la prezo de la ledo de nun altiĝis je dek procentoj . . . Nu, kalkulu vi mem . . . sep plus dek procentoj . . . tio donas sep sepdek . . . aŭ, ĝuste, ok, en rondaj ciferoj . . . Do, ne miru, estu justa, sinjoro Tern, kaj estu certa ke vi havos la plej fortajn plandojn kaj viaj ŝuoj estos ree preskaŭ novaj . . .

— Ne . . . cia kalkulo estas sen bazo . . . ĉar la ledo kiun ci plandos kostis al ci je malnova prezo, kaj en nia urbeto la prezoj ĝis hodiaŭ neniom ŝanĝiĝis . . . do ci iom rapidas kun ciaj prezoj . . . Mi do reprenas la ŝuojn, se ci ne volas ilin ripari je la malnova prezo.

— Estas neeble, via moŝta sinjoro, ĉar la mono kiun vi pagos estos elspezita de mi ne hodiaŭ, nek post unu semajno, sed eble post unu monato, kiam la prezoj en nia urbeto certe plialtiĝos . . kaj, krome, . . . David Sapoger neniam ŝanĝas sian parolon . . . David Sapoger estas simpla ŝuisto, sed lia parolo valoras ne malpli ol parolo de ĉiu granda moŝto . . . —

— Mi bedaŭras, mia bona David, vidante cin en la eraro kaj la spirita blindeco, sed mi estas devigata forpreni la ŝuojn . . . mi ne estas malriĉa . . . unu floreno ne estas por mi grava diferenco . . . mi ankaŭ ne estas avara . . . sed mi ne ŝatas la maljustecojn . . . do, adiaŭ! —

Kaj interne boletanta Tern ekmarŝis hejmen, portante la ŝuojn, dum la ŝuisto indignis kaj blasfemis antaŭ sia labora tableto, tro forte frapante per martelo kaj kolereme traborante per kudrilego, kvazaŭ la ledo estis kulpa pro la neatendita ago de Tern, kvazaŭ la ŝuetoj de fraŭlino Tubman (kiujn li tiumomente riparadis) estis propraĵo de sinjoraĉa moŝtaĉo Tern . . .

Tiel okazis ke pro unu floreno ekflamis milito inter la ŝuisto Sapoger kaj la urba konsilanto Tern, milito kiu disvastiĝis tra la tuta urbeto, kiu igis tremi kaj kunpremiĝi centojn da koroj, milito kiu provokis disputojn en la parlamento, milito kiu . . . sed, kara leganto, atendu iomete kaj vi mem ekscios kion ankoraŭ kaŭzis tiu granda milito.

La nokton, kiu sekvis post la supre donita dialogo, la du viroj ne dormis . . . ili estis egale emociitaj, sed la pensoj kiuj ondumis en iliaj kapoj ne estis samaj. Tern indignegis pro la principo, pro la morala maljusteco de la ŝuisto, kaj ĝenerale de la metiistoj kaj laboristoj de nia epoko. Sapoger ekmalamegis sinjoron Tern pro lia avareco, pro lia maljusta obstino, kaj pro lia ciado kiu substrekis la socian malegalecon . . . Tern meditis pri multaj aĵoj proksimaj kaj malproksimaj je la ŝuisto, kaj fine — pro ia idea kunligo — li ekpensis pri la klubo de naturamantoj kiu funkciis en la urbeto, kaj kiun ĝis nun mokis li, ne ŝatanta krudajn novaĵojn kaj reformojn. Sed en tiu nokto, li, kun ia malklara simpatio, rememoris pri la klubanoj, vere iom ridindaj, sed bravaj gehomoj, pri notario Best kiu vegetarumis, pri sinjorino Bruhover kiu portis sandalojn sen ŝtrumpoj, pri junulo Starick kiu propagandis racian maĉadon laŭ sistemo de iu amerikano Flejĉman aŭ Flehter, kun nomo simila . . . Sapoger flugis sur rapidaj flugiloj de sia senbrida fantazio . . . li jam vidis Tern mokatan de la tuta urbeto pro lia avaregeco, mokatan en la ĵurnaloj, kiuj metis karikaturajn bildojn, kie Tern estis prezentita nudpieda, vaganta tra la polvaj stratoj, survoje al la ĉefurbo, kun la truitaj ŝuoj en la malbelega mano . . . aliaj bildoj, arte koloritaj, montris Tern en la ĉefurbo, kie la ŝuistoj rifuzis akcepti liajn ŝuojn, ĉiuj ŝuistoj de la ĉefurbo lin bojkotis, kaj li petegis, proponis al ili ok, dek, cent florenojn, sed la solidara ĥoro da ŝuistoj mokege kantis: „Ne-ne-ne, sinjoro Tern . . .“ Kun tiuj grandiozaj bildoj ekdormetis la ŝuisto, kiam la frapado je la muro levigis lin al la nova tago. Pace pasis unu semajno.

La koro ĉesis bati kaj li terure paliĝis, kiam li ekvidis sian malamikon, la urban konsilanton Tern, en sandaloj sen ŝtrumpoj, malrapidantan brako-ĉe-brako kun notario Best preter lia butiko. — Aa, Tern fariĝis la naturamanto, ne plu portas ŝuojn kiel ĉiuj honestaj eminentuloj, ligas kun la suspektindaj sendiuloj, anarkiistoj . . . Bonege, bonege, ni tion profitos, vi komprenas, sinjoro Tern, ni profitos vian malprudentan sintenadon . . . — tiel monologis en sia butiko Sapoger, kiam Tern jam estis malproksime. La aliĝo de Tern al la naturamanta klubo ne faris grandan impreson en la urbeto, ĉar samtempe okazis pli interesaj kaj pli kuriozaj okazintaĵoj, ekzemple la edziĝo de maljuna riĉulo Denging kun deksepjara knabino, la skandalo en la kartluda klubo, la aŭkcia vendado ĉe Splutt, ktp. Tamen Tern forte laboris por altiri novajn adeptojn al la klubo. Li sukcese organizis junulan sekcion, en kiu ĉiuj anoj sub dektria aĝo marŝis nudpiede dum la varma sezono. Tiu sekcio havis grandan sukceson, precipe ĉe la malriĉaj patrinoj kiuj ĝojis ke nun iliaj etuloj povas kuri nudpiede ne kiel „nudpieduloj“, sed kiel membroj de la naturamanta klubo. La ŝuisto klare vidis kien celas Tern: Li volas min ruinigi, forprenante de mi la klientojn . . . se ĉiuj iros nudpiede, mi mortos pro la malsato . . . oh ne, ne li min, sed mi lin pereigos, kaj tio estos supera justaĵo! — Kaj la ŝuisto ekhavis grandan planon kiu devis forigi sinjoron Tern, se ne el la vivo, almenaŭ el la urbeto. Laŭ tiu plano la naturamanta klubo devus disvastiĝi pli kaj pli, kaj samtempe „maldekstriĝi“, inklini al la komunismo, anarkiismo, ĝis la registaro en la ĉefurbo rimarkos la danĝeron, kaj tiam . . . adiaŭ sinjoro Tern, la animo de la klubo. Por efektivigi tion Sapoger decidis oferi sian filinon, kiu — laŭ la sekretega interkonsento — devus „delogi“ sinjoron Tern, influi lin „maldekstren“, konduki lin per la nazo . . laŭ la programo de la ŝuisto, kaj fine venigi lin

al la profundeĝajo, en kiun Tern falos fatale, neeviteble . . . Kaj la ŝuisto malkovris antaŭ sia filino sian vibrantan koron, montris al ŝi la minacantan mizeron kiun preparas por ili Tern, vidigis lin en lia tuta abomena monstreco, disvolvis la programon, kie ŝi, la filino, devus ludi delikatan kaj gloran rolon, . . . Je la granda surprizo de la patro la filino tuj jesis, konsentis, nur kun unu eta kondiĉo: li devas rekompenci sian filinon per sia konsento al la edziĝo kun Paul, kun tiu malbenita Paul kiun la ŝuisto jam dufoje forpelis kaj kun kiu la filino ne havis permeson rendevui. Tiu ofero estis granda, sed Sapoger fine konsentis ĝin, tiom grandega estis lia malamo al Tern. Tiel komenciĝis la realiĝo de la sataneca programo de la ŝuisto, kaj tial okazis ke la urba konsilanto fariĝis amindumanto de la deksesjara knabino Eliza, beleta helulino, lernantino de la tolkudrejo. Tern estis kvindekjara vidvo, sola, vivanta kun sia fidela maljuna servistino Anna. Do, estis granda sensacio en la urbeto kiam oni vidis la eminentan grizharulon longe promenantan en la malproksimaj aleoj por renkonti sian adoratinon. Eliza iĝis fervora membro de la naturamanta klubo, kaj nerimarkeble ŝia sekreta influo, verdire influo de ŝia patro, pli kaj pli penetris en la klubon. Bela ineto potence reganta . . . tio ne estis novaĵo en la historio de la mondo, kaj Tern, la urba konsilanto, ne estis pli volforta ol Ludoviko Tridekkvina aŭ Nikolao Dudekdua! La programo de Sapoger iom ŝanĝiĝis, neatendite, pro eksteraj cirkonstancoj. En la klubo okazis ke iuj tri junuloj enamiĝis Elizan, subobservis ŝiajn marŝadojn, eltrovis la maljunan amindumanton, kaj ili ĵuris disrompi ĉiujn rilatojn inter la beletulineto kaj Tern; ili eĉ interkonsentis ke lotumo poste decidos al kiu el ili apartenos la knabino. Sed oni ne vendas la ursfelon antaŭ ol la urso promenas vivanta. La knabino revis nur pri sia Paul, dum Paul tute ne rezignis pri la knabino; male, la junulo bone komprenis la tutan ludon, kaj la programo de la ŝuisto estis al li perfekte konata. Fine, la fianĉo Paul rimarkis la preparojn de la tri junuloj, do li petis apogon de siaj samstratanoj, same sentimaj kiel li mem. Estis antikva tradicio en la urbeto laŭ kiu knabinoj de unu strato ne povis esti amindumataj de la alistrataj junuloj; ĉiu malobservo de tiu tradicio povis elvoki sangoverŝan interbatalon, pli aŭ malpli grandiozan, laŭhazarde. Nu, Paul sukcesis organizi ĉiujn bubegojn de sia kvartalo kontraŭ la tri klubanetoj protektataj de iliaj samstratanoj. Tiu danĝero de la strata batalo ne povis resti longe kaŝita, kaj baldaŭ la tuta urbeto pleniĝis je ĉiuspecaj onidiroj, bruoj, supozoj: la klaĉuloj grandigis, grandigis ĝis la koloseco; fine oni klare parolis pri la ribelo de la malriĉaj kvartaloj kontraŭ la riĉaj, pri la komunista konspiro, pri la kaŝita deponejo de la armiloj, bomboj, venenaj gasoj. La bubegoj ridis pri tiuj malveraj onidiroj, kaj iris sian vojon. En unu bela nokto, je la dekunua, kiam la tuta urbeto profunde dormis, aŭ ŝajnis dormi, komenciĝis la pugna batalo inter kelkdeko da bubegoj. Bastonoj svingiĝis, pafis petardoj, sonis kelkaj vitroj frakasitaj en la fenestroj, la buboj eksteraj je la batalo komencis bruligi paperojn, pajlofaskojn, por vidi pli klare interesajn detalojn de la batalo . . . Kaj telefono eklaboris, la eminentaj burĝoj sin barikadis, sin armis je revolveroj, jam vidis brulegon de la urbeto, revolucion, ĝeneralan buĉadon . . . La polico ne estis videbla. Sed frumatene eniris bataliono da soldatoj kun kvar maŝinpafiloj, kaj poste alvenis speciala komisiono por esplori la gravan aferon. La ĵurnaloj de la ĉefurbo ricevis kaj presigis telegramojn pri la komunista ribelo en la urbo ***, kaj en la parlamento okazis interpelacio, debatoj kaj disputoj pri la malbona administrado kaj pri la konfido al la ministraro. La urbeto estis teruriĝita: la bubegoj de Paul jam repaciĝis kun la knaboj de la tri junuloj, la tri junuloj rezignis pri Eliza, Eliza rompis kun Tern, Tern amikiĝis kun Paul kaj promesis helpi al lia edziĝo kun Eliza, Sapoger diris al la filino ke li ne plu volas labori por sia plano, ke li permesas al Paul publike amindumi ŝin. La naturamanta klubo disfalis, la junula sekcio ekvestis ŝuojn, la klientoj amase reaperis ĉe la ŝuisto, kaj — tri tagoj post la „revolucio" — la urba konsilanto sendis la servistinon Anna kun la ŝuoj al Sapoger, kaj ŝi revenis dirante al sia mastro ke la novaj plandoj kostos sep kaj duono florenojn, je kio la urba konsilanto respondis: bonege! Kaj la unika ŝuisto de la urbeto *** jam tiuvespere komencis plandi la urbkonsilantajn ŝuojn, meditante pri ilia posedanto, brava viro . . . Tiel finiĝis la granda batalo, por ĉies kontentigo.

 LINGVAJ STUDOJ 

## Enkonduko al la fonetiko

*de P. Stojan.*

*

(En tute simplaj vortoj ni penas ĉi tie konigi al nia legantaro la ĉefajn trajtojn de la fonetiko, ĉar tiu scienco estas ĝis nun preskaŭ nekonata por la plimulto).

[Daŭrigo de la artikoloj en la n-roj februaro, marto, majo].

**Nombro de vokaloj** varias de unu lingvo al la alia, kaj en la limoj de unu sama lingvo ĝi varias laŭ la grado de la observa precizeco. Por skemi eŭropajn vokalojn la fonetistoj ofte ordigas ilin en formo de triangulo, ekz.

u    ü    i
  o  ö  e
     a

kie *ü* prezentas francan *u*, kaj *ö* francan *eu*.

Pli detala analizo havigas aliajn vokalojn kiuj estas ordigeblaj inter la sep bazaj vokaloj de la triangulo. Reale, la nombro de la vokaloj estas senlime granda kaj neniam registrebla komplete. En nia lingvo ekzistas aliaj vokaloj, krom la kvin konataj sub formo de la literoj a, e, i, o, u. Ekzemple, en la vortoj *balau* — *balai* la silaboj *au* — *ai* prezentas du specojn de *a*, kiel en la vortoj: *obeu* — *obeo* — *obea* — *obee* — *obei* ni aŭdas 5 specojn de *e*, specojn kiuj ne estas signataj litere, ĉar tio estus senutila kompliko.

**Duonvokaloj.** En evoluo de la naturaj lingvoj okazas ke el du najbaraj vokaloj unu mallongiĝas, pro la emo plifaciligi la elparolon — tiel aperas la duonvokalo. Fiziologie la duonvokalo estas sono meza inter la vokalo kaj la konsonanto. La duonvokaloj produktiĝas en la voĉkanalo malpli larĝa ol ĝi estas por la vokaloj, tial aŭdiĝas — krom la tembro — aukaŭ la frotsono de la aero. Ĉiu el la 5 bazaj vokaloj, malferme elparolataj, povas transformiĝi en la duonvokalon, se oni elparolas ĝin kun la lango iom pli alta kaj kun la makzelo iom pli fermita. Sed nur du rimarkindaj duonvokaloj ekzistas en pluraj kulturaj lingvoj, ili estas signataj en Esperanto per la literoj: *j* kaj *ŭ*.

| Duonvokaloj | angla | franca | germana | rusa |
|---|---|---|---|---|
| j | yes, boy, time | yeux, ail | ja, Zeit | ja, jem, roj |
| ŭ | well, west, now | oui, bois | aus, Laut | haŭ-haŭ |

Inter la vokaloj kaj la konsonantoj oni ne povas difini precizan limon, la unuaj iom-post-iom proksimiĝas al la duaj, formante la naturan serion da nuancoj. La duonvokaloj okupas ĝuste la lokon kie la paroleroj jam ne estas normalaj vokaloj, sed ankoraŭ ne estas normalaj konsonantoj. Konvencie oni nomis ilin „duonvokaloj", samrajte oni povus ilin nomi „duonkonsonantoj", kaj fakte pluraj fonetistoj nomas la duonvokalojn la konsonantoj, precipe en kreskaj diftongoj [jama, jura]

Kombinitaj kun la vokaloj la duonvokaloj formas *diftongojn*, inter kiuj oni distingas *kreskajn diftongojn* kaj *malkreskajn diftongojn*. La unuaj ekzistas kiam post la duonvokalo sekvas vokalo [ja, je, ŭo] la duaj kiam male la vokalo antaŭas [aj, ej, aŭ, eŭ]. Unu vokalo kun du najbaraj duonvokaloj formas t. n. *triftongon* [ekz, jaj, ŭaj]. Ordinare la diftongoj kaj triftongoj estas partoj de la vortoj, frazoj, ekz.: *Mi aŭdas vin. La vejnaj ĉeloj. Eŭropaj fervojoj.*

**Konsonantoj.** Ĉiuj ceteraj sonoj, krom la vokaloj kaj la duonvokaloj, estas „konsonantoj". La konsonantoj estas paroleroj kiuj, male je la vokaloj, produktiĝas en la voĉa kanalo ne libere trairebla por la aero elspirata pro la mallarĝeco, aŭ pro la momenta fermo. Laŭ tio oni dividas la konsonantojn je du ĉefaj klasoj. Unua klaso enhavas „kontinuajn" konsonantojn kiuj rezultas el la mallarĝeco de la voĉkanalo. Dua klaso enhavas „momentajn" konsonantojn, kies produktado okazas kondiĉe, ke la kanalo fermiĝas por mallonga tempo. Al la unua klaso apartenas: fvhĥszŝĵ . . . al la dua apartenas: bpgkdtmn . . . Aparta estas la tria klaso al kiu apartenas konsonantoj kiuj havas duoblan karakteron: cĉĝ . . .

**Voĉeco de konsonantoj** estas ilia kvalito kiu konsistas en tio ke ili povas esti *kunvoĉaj* (sonoraj) aŭ *senvoĉaj* (surdaj): la unuaj estas akompanataj de la laringa sonado, la duaj ne. Ni metu la montro-fingron sur la adam-pomon (ekstere videblan elstaraĵon de la laringo) kaj ni elparolu serion: bp-gk-dt-vf- . . . Ĉiu paro havas unuan sonon „sonora" kaj la duan „surda", tion sentos nia fingro kiu konstatos, ke la laringo tremas ĉe la elparolo de bgdv . . sed restas senmova ĉe la pktf . . . Tiel stariĝas dua principo de la klasado, la voĉeco, laŭ kiu pli ol duono da konsonantoj formas du grupojn, sonoraj kaj surdaj:

sonoraj b g d ĝ dz h ĵ z v . . . . . .
surdaj p k t ĉ c ĥ ŝ s f . . . . . .

**Moleco de konsonantoj** estas ilia kvalito kiu konsistas en pli aŭ malpli granda streĉo de la lango. *Malmolaj* konsonantoj produktiĝas per la lango kun streĉitaj muskoloj, ili estas „normalaj", ordinaraj konsonantoj, konataj en la kulturaj okcidenteŭropaj lingvoj, *bcdfg* ktp. *Molaj* konsonantoj produktiĝas per lango-muskoloj malstreĉitaj, kiam samtempe la lango pli larĝe tuŝas la palaton, pro kio oni nomas ilin „palataj"; la molaj konsonantoj abundas en la rusa kie ĉiu konsonanto povas esti mola aŭ malmola; oni signas ilin (en elementaj libroj) per apostrofo, ekz.: *t'eatr* (teatro), n'em'ec (germano), v'ino (vino). La plej konata „mola" konsonanto estas „mola *n*" kiun francoj signas *gn*, hispanoj ñ, slavoj ń, portugaloj *nh*. Zamenhof rimarkis, ke en nia vorto *sinjoro* ofte aperas tiu moleco de *n*, kiun oni toleru.

**Kontinuaj konsonantoj** estas divideblaj en 4 grupoj: duonvokalaj, frotaj, vibraj, flankaj. *Duonvokalaj* konsonantoj estis jam priparolitaj supre sub la nomo „duonvokaloj". *Frotaj* konsonantoj, nomataj ankaŭ „frikativaj, spirantoj" estas] ok en nia lingvo: f v h ĥ s z ŝ ĵ. *Vibraj* konsonantoj estas pli ol 4 specoj de *r*, kiuj en nia lingvo estas konsiderataj kiel unu sola sono. *Flankaj* kontinuaj konsonantoj estas 4 specoj de *l*, el kiuj nur unu estas konsiderata kiel modela, ĝi ekzistas en la franca, germana, itala, serba, kroata, hungara, k. a.

**Momentaj konsonantoj**, nomataj ankaŭ „okluzivaj, eksplodaj", estas karakterizataj de la momenta fermo de la voĉa blovo — ekstere per la lipoj (m p b), ĉu interne per la lango (n k g t d); tiuj lastaj kvar formas du naturajn subgrupojn: k g produktataj per la langradiko, kaj t d produktataj per la langpinto; m n kune estas nomataj „nazaj" konsonantoj.

**Duonmomentaj konsonantoj**, konataj al lingvistoj sub la nomo de „afrikatoj" havas duoblan karakteron: samtempe ili estas „momentaj" kaj „kontinuaj", kaj pro tio oni ilin konsideris *duoblaj*. Por kompreni la mekanismon kiu produktas la „afrikatojn" oni rememoru la tri fazojn de la artikulado (en la marta n-ro). Laŭ tiu skemo ni povas konvencie prezenti la vorton *aĝo* jenmaniere:

a + A + ad + Ĝ + ĵo + O + o

tio signifas, ke la sono ĝ havas „momentan" altenon kaj „kontinuan" fortenon. Ekzistas popoloj kiuj en sia lingvo ne posedas la afrikatojn; por tiuj popoloj la afrikatoj ĝuste elparolataj ŝajnas esti „duoblaj" konsonantoj. Ekzemple, franco elparolas sian vorton *tsar* vere kiel „t-sar", t. e. kun *t* kaj *s* aparte aŭdataj. Slavo elparolas sian vorton *car* kiel „car", t. e. kun la afrikato *c*. Kiam franco aŭdas sian vorton *tsar* elparolitan *car*, li konstatas „malbonan", nefrancan elparolon. En la pariza dialekto oni eĉ aŭdigas aldonan malklaran vokalon inter la du konsonantoj: *təsar* (tsar), adəĵue (adjoint) Male, kamparanoj de Overnjo (Auvergne) posedas la afrikatojn, kaj ili protestis kontraŭ la lingvistoj kiuj skribis iliajn afrikatojn kiel la duoblajn sonojn. Franca fonetisto Fr. Passy kredis pruvi la duoblecon de la afrikatoj per fonografa eksperimento, en kiu li funkciigis la aparaton laŭ mala direkto, kaj tiam oni aŭdis ke *c* iĝis *st*, *ĉ* iĝis *ŝt*, ktp. Sed poste, aliaj sciencistoj ripetis la eksperimenton, analizis ĝin, kaj konkludis ke ĝi nenion pruvas kontraŭ la laste akceptita opinio, ke la afrikatoj estas konsonantoj same „unuoblaj" kiel la „momentaj" kaj la „kontinuaj". Ni iom haltis je problemo de la afrikatoj ĉar kelkaj esperantistoj, dezirante starigi regulojn pri la longaj kaj mallongaj vokaloj, pri la longa kaj mallonga akcento, renkontis la afrikatojn, kiuj ŝajnis al ili jen simplaj konsonantoj, jen la duoblaj. Sube ni donas la trifazan skemon de la ĉefaj afrikatoj, kaj paralele, maldekstre, la skemon de la „homogenaj" konsonantoj.

| | |
|---|---|
| t = t + T + t | c = t + C + s |
| s = s + S + s | ĉ = t + C + ŝ |
| d = d + D + d | ĝ = d + Ĝ + ĵ |
| z = z + Z + z | d͡z = d + D͡Z + z |
| ĵ = ĵ + Ĵ + ĵ | p͡f = p + P͡F + f |

Literparoj d͡z kaj p͡f signas la afrikatojn (unuoblajn konsonantojn) por kiuj nia lingvo ne havas specialajn literojn, kvankam la sonoj eventuale ekzistas (edzo, pfenigo). Multaj popoloj havas la afrikatojn (dz pf bv kĥ gh . . . .) ne konsciante tion, ĉar iliaj abocoj, kopiitaj el la latina, estas tro malriĉaj por signi tiujn sonojn. La slavona lingvo kiu adoptis la helenan alfabeton, havis du malsamajn literojn por sonoj z kaj d͡z. La duonmomentaj konsonantoj, krom la nomo „afrikatoj" havas la nomon, „duon-okluzivoj".

**Aliaj klasigoj**, precipe en la lernejaj libroj, dividas la konsonantojn je la gorĝaj (kghĥr), dentaj (tdnszlĉĝ), lipaj (pbmfv): palataj (ŝĵ), siblaj (szŝĵ), likvaj (lr), nazaj (mn), cerbaj, ktp. La nuna fonetiko evitas uzi tiujn neklarajn terminojn, kiuj en pasinta jarcento ŝajnis al la klera publiko tute precizaj.

## Novaj libroj.

**Na putjaĥ k mejdunarodnomu jazyku.** Sbornik statej pod red. E. K. Drezena. 1926. Gosudarstvennoe izdatelstvo. Leningrad. 168 paĝoj, 15½×24. Prezo: 2 r. [Sur vojoj al internacia lingvo. Artikolaro redaktita de *E. K. Drezen*. Regna Eldonejo. Petrogrado 1926. 3000 ekz].

**V poiskaĥ vseobŝĉego jazyka.** Kompilis *E. Drezen*. 1925. Moskva. „Zemlja i Fabrika". 124 paĝoj, 15½×23 cm. Prezo: 80 kop. [En serĉadoj de universala lingvo. Presejo Gudok. 3000 ekz.]

**Russko - Esperantskij karmannyj slovarj.** *N. Karmanov i E. Spiridoviĉ.* 1926. Moskva. „Novaja Epoĥa". 144 pagoj. 10⅕×15 cm. Prezo: 40 kop. [Rus-Esperanta poŝa vortaro, Regna Presejo en Kazanj. 10000 ekz.]

**Osnova Jazyka Esperanto.** *Ivan Lidin.* 1926. Moskva. „Novaja Epoĥa". 84 paĝoj, 11×15 cm Prezo: 15 kop. [Bazo de lingvo Esperanto. Dua eldono 11000-35000 ekz.]

**Krujok Esperanto v klube molodĕji.** Sbornik materiala. 1926. Moskva. „Novaja Epoĥa". 20 paĝoj 12×17 cm. Prezo: 10 kop. [Rondeto Esperanta en klubo de junularo. Gvida materialo. Regna Presejo en Kazanj. 3000 ekz.]

Tiuj kvin libretoj montras la laboron de niaj samideanoj en la granda slava regno, kiu ĝis nun estas por ni malmulte konata kaj malfacilege atingebla La unua prezentas 15 artikolojn verkitajn de 11 samideanoj, el kiuj la plej konataj estas S-ro Evstifeev, akademiano, S-ro Nekrasov, poeto, kaj S-ro Drezen, la ĝenerala sekretario de la Sovetlandara Esperantista Unio. La verkintoj, en populara formo, klarigas ideon de la helplingvo, donas informojn pri la historio de la mondlingva movado kaj speciale de la Esperantismo, traktas valoron de la helplingvo por laboristoj, scienculoj, blinduloj, poŝtistoj, radio ktp. La intelekta izoleco de la verkintoj senkulpigas ilin pri kelkaj mankoj, malĝustaĵoj, kiuj cetere neniom deprenas de la verko destinita por la larĝa publiko. Detala bibliografio [kiu ne pretendas esti kompleta] finas la libron kiu certe kontribuos al la pliprofundigo de nia movado en la landoj de rusa lingvo. La dua verketo estas resuma skizo pri teorio kaj historio de la universala lingvo, komencante de la literaturaj komunlingvoj kaj pasigrafioj, kaj finante per Ido, Esperanto kaj la plej novaj projektoj. Bedaŭrinde, la verkinto transskribas ĉiujn nomojn per la rusa aboco, kaj tio malfaciligas la komprenon. Ekz. la zemuna pasigrafo *Paiĉ* fariĝis „Pec", *Hély* estas skribita „Geli", *Faiguet* — „Fjege", *Wahren* — Varen, ktp Ni rimarkis plurajn nomojn de la mondlingvistoj ne notitajn en la konataj verkoj, kaj tio pruvas ke la verkinto ne nur kompilis sed ankaŭ pacience serĉis ĉie ajn la mondlingvaĵojn, ĝis la antikvaĵistoj, privataj bibliotekoj, k. c. La Rus-Esperanta vortareto, estas frukto de rapida kompilado, kion cetere konfesas la redaktintoj, tamen ĝi entenas sufiĉe bonan materialon ĉerpitan el la antaŭmilitaj rus-esp. vortaroj kaj el la postmilita esp. literaturo. Ni notas kelkajn novaĵojn, kiuj ne plaĉos al ĉiuj, sed kies valoro — por la libera evoluo — estas certa. Jen ili: *dulorno* [binoklo], *sulfo* [sera], *puŝĉaro* [taĉka], *aboco* [azbuka], *haroza* [moĥnatyj], *lamenti, gambo, antro, flako, heni, hurli, grunti, kluki, cibolo, bufalo, tetro,* dubaj novaĵoj estas: *kutro, jerzo, nudlo, reptilo, korodi, lubriko, kejlo, alo, pulio, kardano, lagro, kriminala, agnoski, karkaso,* kma. Progresema estas konciza lernolibreto de S-ro Lidin, en kiun la aŭtoro sentime metis inter la sufiksoj *-iv, -iz -oz,* inter la prefiksoj *mis-, retro-*. Ni ne miru, trovante en la komunista eldonaĵo jenajn frazojn kaj vortojn de la ekzercaro: „Kiam manifestantoj iris preter la tombo de Lenin ili klinis la flagojn", „La revolucio venis neatendite", „Kion ajn parolus blankuloj [antikomunistoj]", revoluciulo, kamaradino, malataki, leninismo, milicestro, sampartiano, revoluciulino. La ekzercoj de la elparolo komencas per: „Marks, Lenin, Pravda, Buĥarin, Kalinin, Frunze, Trockij ktp.

*O. R.*

# Esperantista parolejo.

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *Angel Stefanof,* konfitisto en Batak elkore dankas la Del. en Wien D-ro Sós kaj en Batak por plenumo de tre grava servo, kio redonis al li objektojn necesajn por lia metio aĉetitajn kaj retenitajn en Vieno.

∴ S-ro *Kurt Glogauer,* ano de UEA 18753 en Breslau sincere dankas al la esperantistaro en Praha kaj precipe al S-ro Rud. Hromada pro valora servo kaj helpo dum restado.

∴ S-ro *Tiberio Morariu,* Ĉefdelegito de UEA en Rumanio, tre kore dankas al S-roj Balkányi, Ĉefdelegito de UEA, D-ro Takács, VD de UEA, Bodo, D-ro Kalocsay kaj Baghy en Budapest, S-roj Ĉech, Smital kaj Ultmann, Delegito en Wien, Direktoro Gilà en Locarno, prof Piatti kaj D-ro Hitrov en Milano, Santin Del., Bonini Vicdel., Trevisan en Venezia kaj multaj aliaj samideanoj pro afablaj servoj dum sia vojaĝo.

∴ S-ino *Camilla Fürth,* Del. en Dresden, kore dankas S-ron Hans Tressel, Del. en München por afabla helpo dum partopreno ĉe la Germana Esperanta Kongreso.

∴ S-ino *G. Ith,* anino de UEA, plej kore dankas al VD S-ro Schmuckher kaj al lia patro en Genova. Del. S-ro Luigi Scata en Siracusa, kaj Del. S-ro La Colla kaj S-ro Palagonia en Palermo kiuj tre afable kaj amike ŝin helpis kaj agrabligis ŝian vojaĝon.

∴ S-ro *A. Koĥ* sincere dankas S-ron Gerŝater, Del. en Wilno, pro rapida plenumo de servopeto!

∴ Al S-ro *A. Ploussu,* Delegito en Grenoble (Franc.) elkore dankas pro afabla helpo en grava afero, instruistino Šupichová, ano de UEA en Praha.

∴ Ni tutkore dankas la Esperanto-societojn, institutojn kaj redakciojn, kiuj per senpage senditaj literaturaĵoj, presaĵoj kaj objektoj multe kunhelpis sukcesigi nian ekspozicion. — En la nomo de la loka gesamideanaro: *Stefano Orlov-Ferenczy.*

∴ Esperanto helpas en Ameriko kvankam tie ne estas multe da lingvoj kiel en Eŭropo. Mi bezonis iri Washington kaj ne sciiante sufiĉe la anglan lingvon skribis al la VD. F-ino A. G. Leavitt por ke ŝi donu al mi sciigojn. Honora kunveno de la Esperantista Societo de Washington akceptis min Mi kore dankas al la prezidanto de la Societo kaj al ĉiuj societanoj kaj neniam mi forgesos la fratan akcepton kiun mi trovis inter la. — D-ro Ambrosio Vargas (Mexico).

* S-ro *E. Aisberg,* internacia sekretario de I R A, kore dankas la estraron de UEA kaj aparte S-rojn H. Jakob, R. Kreuz kaj A. Ĉe pro ilia afabla helpo rilate la enveturpermeson kaj pri ilia kora akcepto. Li dankas ankaŭ al multaj delegitoj kiuj varbis abonintojn por la „Internacia Radio-Revuo".

* S-roj *P. Wildhofen* kaj *F. Acs* el Györ, kiuj vojaĝis biciklede al la XVIII-a, kore dankas al Del. S-ro Bolkart, al prez. S-ro Beck kaj al ĉiuj samideanoj en Augsburg pro la gastama akcepto.

* S-ro *B. Podzimek,* UEA-ano en Červený Kostelec, multe dankas al S-ro C. Barthel, vicdel. en Frankfurt a. M., pro liaj gravaj servoj. Li dankas ankaŭ al S-roj H. Rosenlecher, J. Isner, D-ro L. Herz — pro iliaj afablaj helpoj.

* *P-ro J. Benŝahar,* prez. de la „World Union of Associations for the Blind", kore dankas delegitojn de UEA en Usono kiuj multe helpis lin dum lia vojaĝo kiu celis propagandi nian lingvon inter blinduloj, al S-ro ĉefdelegito B. Schmidt li ŝuldas specialan dankon.

# Svisa Esperanto-Societo.

Oficiala komuniko.

## Ĝenerala Kunveno en Zürich
## 9—10 Oktobro 1926

☆

**Ekzamenoj:**

*Sabaton,* 9 Oktobro, ekzamenoj por *Atesto pri kapableco.* Por enskribo kaj informo oni turnu sin al la prezidanto de l' Ekzamena Komisiono, S-ro Georges Stroele, Maujobia 7, Neuchâtel.

*

**Propaganda kunveno:**

*Sabaton vespere* publika propaganda kunveno en restoracio „Karl der Grosse".

*

**Oficiala kunveno:**

*Dimanĉon,* 10 Oktobro, 10 h. matene, en *Zunfthaus zur Waag,* Münsterhof (apud Fraumünster).

Provizora tagordo:

1. Raporto de l' prezidanto.
2. Raporto de l' kasisto.
3. Raporto de l' kaskontrolantoj.
4. Ĝenerala diskuto.
5. Elektoj.
6. Fikso de l' kotizo.
7. Diversaĵoj.

*

**Komuna tagmanĝo je 13 h.**
**Prezo 3.50 Frk. po persono.**

* * *

**Partopreno:**

Partoprenontoj al la kunveno bonvolu sin anonci ĉe la sekretariino S-ino Henriette Danneil, rue Schaub 76, Genève, indikante ĉu ili deziras tagmanĝon kaj ankaŭ rezervon de hotelĉambro por sabato vespere.



# Esperanto ĉe la Packongreso.

La XXV-a Universala Kongreso de la Paco kunsidis en Genève en Viktoria-Hall de 28 Aŭgusto ĝis 3 Septembro. Partoprenis ĉirkaŭe ducent delegitoj el ĉefaj eŭropaj landoj. En la diskutoj regis tre bedaŭrinda lingva konfuzo kaj malordo. Plurfoje oni plendis pri la manko de lingva unueco.

La britaj delegitoj estis tre multnombraj kaj aparte malkontentaj pri la lingva malfacilaĵo. Ili alvenis Ĝenevon kun rezolucio voĉdonita en Anglujo de la Nacia Konsilantaro por malhelpi militon, proponante, ke depost 1931 ĉiuj paroladoj nacilingvaj en la packongresoj estu tradukataj nur en Esperanton.

Tiun rezolucion ekzamenis la Komisiono pri Aktualaĵoj. Post interesa diskuto inter S-roj von Gerlach, Arnold Foster kaj Edmond Privat, la komisiono ĝin alprenis kiel rekomendon al la konsilantaro de la Tutmonda Unuiĝo de Pacaj Societoj forigante la vorton n u r por ne ofendi maljunajn homojn, kiuj ne povas promesi lerni la lingvon ĝis 1931.

Pluraj esperantistoj ĉeestis la kongreson, interalie S-roj van Etten el Parizo, Bartel el Duisburg, Tutsch el Praha. D-ro Privat estis invitita eniri en la kongresan organizan estraron kaj paroladi esperante en la fina festmanĝo, kie la Prezidanto, belga Senatano Lafontaine, alte laŭdis la Esperanto-movadon.

## Universala Esperantista Pacifista Ligo.

Ni sciigas al niaj naciaj sekretarioj kaj al ĉiuj pacifistoj en landoj kie ne ankoraŭ laboras sekretarioj por nia ligo, ke anstataŭ sinjoro G. Wirix, kiu ne plu loĝas en Hago, de nun plenumos la taskon de *internacia kasisto* de la Universala Esperantista Pacifista Ligo sinjoro *H. J. Bulthuis,* 84 Daguerrestraat, Hago (Nederlando). Oni do bonvolu sendi la monon por la internacia kaso *nur* al la adreso de sinjoro *Bulthuis.*

Por: *Universala Esperantista Pacifista Ligo*
*Henriëtta de Lange,* int. sekretariino.

(Senperajn aliĝojn aŭ demandojn pri eventuala sekretarieco en iu loko oni sendu al la internacia sekretariejo.)

# Redakcia Noto.

## Holandaj Florbulboj.

Volonte ni atentigas interesulojn, kiuj volas mendi Holandajn Florbulbojn, por la ĝardeno aŭ ĉambro, je la anonco (trovebla en tiu ĉi numero), de la mondkonata Florbulbeksportejo Jansen Hendriks kaj Filo, antaŭe Krelage kaj Ko., Bennebroek apud Haarlem, Nederlando.

La bona reputacio de tiu firmo garantias unuaklasan kvaliton.

# Esperantista Vivo.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro pastro *Charles Muller* en Pontarlier (Franc.) kun fraŭlino *Alice Noguet*, Del. de UEA en Vallorbe (Svis.)

— S-ro *Josef Vogel*, Del. de UEA en Salzburg (Aŭstrio) kun fraŭlino *Anna Ledl*, anino de Laborista Esp.-Grupo en München.

**Edziĝoj.** — S-ro *Rudolf Dvorak*, ano de UEA en Utrata-Warszawa (Pol.) kun fraŭlino *Zonjo Jakobi* en Lwów.

— S-ro *E. Urbach*, ano de UEA en Antverpeno kun fraŭlino *A. Weinberg* el Saarbrücken.

— S-ro *František Novák*, konata pioniro kaj malnova ano de UEA en Praha kun fraŭlino *Hedva Dvořáková*, anino de UEA en Praha.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj *Renaud Richez*, ekssekretario de UEA en Genève, naskiĝis filo Jean.

— Al Ge-sroj *Léon Courtinat* en Lyon naskiĝis filo Léon-Pierre-Louis.

— Al Ge-sroj *Jozef Hartmann* en Bucuresti naskiĝis filineto Edith.

— Al Ge-sroj *D-ro Walter Lippmann* en Leipzig naskiĝis unua filo Ludwig.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Carlo Picard**, dekomenca ano de la Esp.-Grupo en Chaux-de-Fonds (Svis.), subite forpasis 44-jara, post dudekjara modesta laboro por nia afero.

S-ino **Marie L'Heritier-Faure**, patrino de F-inoj G. kaj B. L'Heritier, aninoj de la grupo en la sama urbo.

S-ro **Oskar Braun**, fabrikisto, Del. de UEA en Nový Bydžov (Ĉeĥosl.), mortis post mallonga malsano la 19 Junio. Li estis unu el la plej viglaj kunlaborantoj de UEA. Du semajnojn antaŭ sia morto li faris publikan propagandan paroladon pri ĈAE kaj UEA. Dank' al li en Bydžov estis starigita kurso.

S-ro **Ruben Nyqvist**, grupano de „La Stelo" en Eskilstuna, Svedlando.

S-ro **Herman Andersson**, grupano de la „La Stelo" en Eskilstuna, Svedlando.

S-ro **Ralph Eliott**, Delegito de UEA en Plymouth, sincera kaj fidela samideano, fondinto de Kvakera Societo Esperantista, mortis pro meningito en Lausanne, Majo 1926.

S-ro D-ro **Richard J. Legge**, Cheltenham.

S-ro **Young Rennie**, ano de BEA, en Shrewsbury.

S-ino **Isabella Emily Mclntosh**, anino de BEA, en Edinburgh.

S-ro **Jordan Leviĉarov**, ano de la Studenta Esperantista Grupo en Sofia.

S-ro **Jules Etard**, Delegito en Rouen, Dumviva Membro de UEA, mortis dum Majo 1926.

S-ro D-ro **Diard**, 78-jara samideano, amiko de Charles Meray kaj de Carlo Bourlet, mortis 20 Aŭgusto 1926 en Dijon. Malgraŭ lia alta aĝo li, veninte Dijon'on antaŭ tri jaroj, klopodis je la restarigo de la iam tre vigla grupo.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

**Problemo N-ro 180.**
*J. Smutný*, Hlohovec
(Národní Politika 1926)



Blanko matas per la 4-a movo.

**Problemo N-ro 181.**
*J. Smutný*, Hlohovec
(Časopis Čes. Šachistů 1918)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 182.**
*Ph. Klett*
(Kolekto da problemoj 1878)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 183.**
*R. Svoboda*, Praha
(Originalo)



Sinmato per la 2-a movo

Ambaŭ problemoj de Smutný enhavas la saman ideon, kiu rezultiĝas de la oferado de la turoj. Klett oferas ankaŭ simile la turon, sed cele de ricevo de kvar diversaj matoj. Notinda estas la simpla konstruo, kiu ne malhelpas al la solvanto plene ĝui la arton, kvankam ne abundas je defendmovoj.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 175: Pro la duasolvo, trovita de S-roj H. T. Bailey kaj H. Steding estis necese doni al la problemo jenan pozicion Bl: Rf1, Da6, Th5, Kb7, g3, Ĉd2, e1, Pd4, e6, g5; Nig: Rh1, Ĉh3, Pc6, d3, h7. Sinmato per la 8-a movo. Solvo 1. Da8, h6, 2. Ka6, hg5, 3. Kd3, g4, 4. Df8, c5, 5. Ĉc4, cd4, 6. Ĉe3, de3, 7. Df3+, gf3, 8. Ke4, e2 mato.

N-ro 176: 1. f3—f4, Kg2+, 2. Tf3 m. Kf1, 2. Tf2—h2 m. Kalimove, 2. Dg3 m. Rh1, 2. Dc1 mato.

N-ro 177: 1. Rg3—h2, Rd4, 2. Ĉe6 m. De5+ 2. D×D m. post alia movo 2. Ĉb7 mato.

N-ro 178: 1. Tc5—c3, d1Ĉ, 2. Tc8 ktp. d1D, 2. Te3 ktp.

N-ro 179: 1. Dg3—d3, Dd5 aŭ a6, 2. Dc4 ktp. Da7, 2. De3+ ktp. Db7, c6, g2, h1, 2. De4+ ktp. Df8, 2. Th7—h6+ ktp., post alia movo 2. f8Ĉ+. La 3-a movo estas ĉiam Ĉf4+.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

169, 170, 171 H. Steding, Bremen; 170, 173 S. Frantz, Paris.

*Korespondo:*

S-ro S. Frantz. En 169: Rd1 ne ebla pro Ĉf1 ktp. 172: Dd3 ne ebla pro Ĉc2+. La alsendita dumova konstruo de matbildo ne estas utiligebla kiel problemo.

La 6-an de Junio ludis la internacia majstro Osip Bernstein en Paris samtempe kontraŭ 53 konkurantoj. Rezulto 37 : 1 = 15.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Honora Prezidanto: ED. STETTLER; Prezidanto; D-ro EDMOND PRIVAT; Vicprezidanto: W. M. PAGE; Direktoro: HANS JAKOB

CENTRA OFICEJO: 12, Boulevard du Théâtre, GENÈVE (Svislando)

KONTOJ:
Pošta Čeko I 2310
Société de Banque Suisse
Schweizerischer Bankverein

Telegrafa Adreso:
ESPERANTO, GENÈVE

KODO INTERNACIA „LUGAGNE"
TELEFONO STAND 336

☆

Genève, Septembro 1926.

Al la membraro de UEA!

Tre estimataj Samideanoj,

Libroservo de UEA

Per tio-ĉi ni havas la honoron informi vin pri la starigo de nova servo faciliganta al nia membraro la akiron de esperanta literaturo. Rajtas profiti de tiu-ĉi servo ĉiu ano de la Asocio, kondiĉe ke li sekvu la jenan regularon, celantan redukti la administran laboron je minimumo.

Regularo de la libroservo de UEA.

Mendo: Ĉiu mendo devas esti farata per la specialaj mendiloj portantaj la indikon „Libroservo de UEA". Tiaj mendiloj estas disdonataj kun la gazeto ESPERANTO; anoj de UEA nericevantaj la gazeton povas postuli tiajn mendilojn de la Centra Oficejo aŭ de la Delegito. Dum la nuna monato ĉiuj Membroj de UEA ricevos cirkuleron kun aro da mendiloj.

Rabato: La prezoj estas originalaj kaj transkalkulitaj en svisaj Frankoj plus afranko. De tiu-ĉi sumo, mendanto rajtas depreni la rabaton de 20%.

Pago: Estas akceptata pago per ĉiu mono laŭ taga kurzo proksimuma. Por simpligi la kalkulon ni konigas tie-ĉi la kurzon de plej gravaj monspecoj rilate al la svisa franko. Okaze de gravaj kurzŝanĝoj ni reskribos al la mendinto.

Kurztabelo: 100 svisaj frankoj egalas al: 138 aŭstriaj ŝilingoj; 675 belgaj kaj francaj frankoj; 650 ĉeĥoslovakaj kronoj; 4 britaj L; 2700 bulgaraj levoj; 72-73 danaj kaj svedaj kronoj; 80 germanaj Rmk; 600 italaj liroj; 130 hisp. pesetoj; 1080 sudslavaj dinaroj; 40 japanaj jenoj; 400 portugalaj eskudoj; 775 finnaj markoj; 20 dolaroj usonaj kaj kanadaj.

Poŝtaj Ĉekoj: aŭstria: Wien 105.439; ĉeĥoslovaka: Praha 79.236; franca: Lyon 221.76; germana: Frankfurt a. M. 908.50; pola: Warszawa 190.576; svisa: Genève I 2310.

Ni esperas, ke nia nova servo trovos la aprobon de nia membraro kaj ke ĝi vaste uzos la okazon aĉeti literaturon je favoraj kondiĉoj.

Kun samideana saluto

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Libroservo de UEA.

Estas aldonitaj: Mendiloj pri Libroservo de la eldonaĵoj de firmoj Ellersiek & Borel. R. Mosse, Hirt & Sohn, Esperantista Centra Librejo.

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigata

127 =



Solvoj: 128 = Komodo, 129 = Nilo, vino, 130 = Doloro, dolaro.

131. **Plenigota versaĵeto.**

[El Danto Alighieri.]

Ho n*a *t* nob***co, v* | j* *l mant**' far**as m***eleto | s* ĉiut**e v** n* fli**s n*, | ĉ** kapt** v** ** *' te**' l' *d* mord**eto.

132. **Geometria ludo.**

El kvar forprenu unu, restos kvin. (La solvo de ĉitiu ludo, *en kiu oni uzos poligonon,* estis sendata de S-ro Cortes [Benidorm: Hispan.]

133. **Aritmetika ludo.**

El kvar forprenu unu, restos kvin. (Solvo sendita de S-ro Juchniewicz [Wilno: Pol.] Oni uzos *arabajn* ciferojn.)

134. **Insulo historia.**

En lign' malmulte peza estu si, | kaj tiel vidos ni | insulon kie | naskiĝis fama | konkirintulo.

135. **Vorta ĉeneto.**




1—2=frandaĵo; 2—3=membro de homa korpo; 1—3=gento de insekto; 1—2—3=speco de birdoj. [R. Tsuji, Osaka.]

136. **Aj' tro streĉita.**

Du uloj disputantaj estas por | senlangan parolanton havi: streĉas | al si l' unua tiun aĵon forte, | kun obstineg' al si la dua streĉas. | Post iom da krakado la mizera | aĵ' dispeciĝas kaj | l' unua disputanto restas kun | en mano kampo de pentraĵ' sur kiu | prezentas oni la subjekton kaj | l' alia kun en mano nobelulo.

**Ĝustaj solvoj alvenintaj:**

Pluraj legintoj protestis pro tio, ke mi prezentadis **„enigmon sen solvo."** — Mi petas pardonon pro la malfrua sendo de tiu solvo, kiu jen: **„la vertikalaj streketoj inter iuj vortoj disigas la versojn."**

**Januaro** (Malfruealveninta pro poŝta misservo): 110—111: Risuke, Tsuji (Osaka: Japan.)

**Marto:** 117, 119, 120: Janisch, Emil (Praha); — 115, 117, 118, 120: Juchniewicz, Aleksander (Wilno: Pol.) La solvo 117 diferenca je tiu presita en la gazeto, sed tre ĝusta, kaj farita **per arabaj ciferoj**; — 115, 117, 119, 120: Nikolav, Ivan (Gorna Orehovica: Bulgar.); — 117, 119, 120: Pereira, E. Cesar (Funchal: Madeira); — 116, 117, 119, 120: Weitkhmann, Bernhard (Stettin): 115, 117, 120: T. Risuke (Osaka, Jap.); ĉiuj, esc. 118: C. William (Stettin).

**Aprilo:** ĉiuj: Almada Rodrigo (Badajoz, Hispan.); 121, 122, 125, 126: Baxtev, A. Evelyn (Orpington: Angl.); — ĉiuj: Brendgens, Heinrich (Müllfort: German.); 121, 123, 124, 125, 126: Chavan, Helène (Vallorbe, Svis.); — 121, 122, 123, 125: Cipera, Sofie (Grossraming: Aŭstr.): — 121, 122: Juchniewicz, Aleksander (Wilno, Pol.); — ĉiuj: Lotto, Felix (Varsovio); — 121, 122, 125: Nikolav, Ivan (Gorna Orehovica, Bulgar.); — 121, 122, 125, 126: Rizzo, Pietro (Catania): — 121, 122, 123; Sidlovskaja, Rimna (Sebastopolo); — ĉiuj, esc. 124: William, Curt (Stettin).

**Majo:** ĉiuj: Brendgens, Heinrich (Müllfort, Germ.); — 129, 130: Juchniewicz, Aleksander (Wilno); — 129: Karagjogov, Dimitr R. (Sevlievo, Bulgar.); — 128, 129, 130: Sidlovskaja, Rimna (Sebastopolo): — ĉiuj: Tigrov, Teodoro (Torva, Estonio); — ĉiuj: Risuke, Tsuji (Osaka, Japan.).

## REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

**Tarifo:**

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0.50, 0.40, 2 pesos oro; **Aŭstralio:** 10 p. 6 p., 2 ŝil.; **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kč.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.: **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.; **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.: **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2 50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj

### Afriko.

**Bulawayo** (Suda Rodezio). F-ino H. Mac Donald. 29-a Livingstone Road, Selborne Ave., PI, precipe kun ekstereŭropanoj.

### Aŭstrio.

**Eggenberg** (Graz). S-ro G. Schwarz, instruisto, Allee 46, PI, L kun Okcidenta Azio pri geografio kaj historio.

**Korneuburg.** S-ro N. Steiner, fervoj-inspektoro, Postfach 26, PI bfl kĉl. krom Mezeŭropo interŝanĝe aŭ sendas numeron de „Aŭstria Esperantisto", PM se eble aerpoŝte, resendos samvoje, nepre respondos.

### Belglando.

**Antverpeno.** F-ino J. Van den Bulcke, Pacificatiestraat 37-1, PK, L kĉl.

**Antverpeno.** F-ino Irma Luyckx, Lange Leemstraat 32, PK, L kĉl.

**Antverpeno.** F-ino Lily Brandeleir, Statie Borgerhout, PK kĉl.

**Antverpeno.** F-ino Irène Van Oeckel, Desguinlei 52, PK kun instruistinoj en Fröbel- aŭ Montessori-lernejoj el ĉiuj landoj.

**Antwerpen-Borgerhout.** S-ro M. Bolle, Ketsstraad 77.

**Schaerbeek.** S-ro V. Lamberts, 55 Ave. Hamoir, PM neuzitajn laŭ Yvert. sendos PM el Belgio, Luksemburgo, Kongo. Uzitajn PM laŭvole. Ne respondas al bagatelaĵoj.

### Britlando.

**London N. W. 3.** „International Cooperative Womens Guild", 38 Downshire Hill, serĉas korespondantinojn kiuj interesiĝas pri kooperativa movado.

### Brazilo.

**S. Paulo.** S-ro C. Gomes de Carvalho, Vergueiro 64, PI kĉl., certe respondos.

### Ĉeĥoslovakio.

**Bodenbach.** S-ro W. Neumann, oficisto, L, PI kĉl.

**Brzánky** (Roudnice nad Labem). S-ro J. Hrouda, 19-jara studento, L, PK, PI kĉl., certe respondos.

**Bzenec.** S-ro F. Toman. ĝendarma serĝento, PM kĉl.

**Debrno** (Kralupy nad Vltavou). F-ino Karla Srpová, L, PI kĉl.

**Fryštat** (Silezio). S-ro A. Juzl, juna urboficisto, L, PI kĉl. pri nacia, ekonomia vivo.

**Haindorf** (Friedland). S-ro Karl Schwarz, PI, PM kĉl.

**Holešov.** S-ro J. Palacký, advokato, PK kĉl. kun progresintaj filatelistoj, sendu rekomendite, ankaŭ korespondas angle, france, germane, certe kaj tuj respondas.

**Jilemnice.** S-ro O. Štěch serĉas korespondantojn pri ĉiaj temoj por loka klubo.

**Jičín.** S ro B. Pultr. oficisto, Husova ul. 393, L, PI bfl kĉl. pri turismo.

**Kroměříž.** S-ro F. Šrom, instruista kandidato, PM, ne sendas unue, certe respondos.

**Kukleny** (Hradec Králové). S-ro L. Martiny, fervoj-oficisto, L, PI kĉl., certe respondos.

**Landskron.** S-ro Prof. D-ro Alfred Grimm, UEA-delegito, proponas negativajn platojn, filmojn, aŭ diapozitivojn de pejzaĝoj (alpoj, urboj eŭropaj) interŝanĝe je tiaj de vulkanismo, tertremoj, precipe el Japanio.

**Moravany** (v Čechách). S-ino M. Bergerová, PI, PM, fotoj, GM, EG, esperantaĵoj.

**Moravany** (v Čechách) S-ro L. Berger, inĝeniero, kolektas adresojn por sia „BES-adresaro de esperantistoj ĉiulandaj".

**Náchod.** S-ro J. Renfus, Parkány 168, PI bfl, respondo garantiita.

**Obergrund** (Bodenbach). S-ro Ed. Hübsch, L, PI, PM bfl kĉl., certe respondos.

**Ohnišov** (Nové Město nad Metují). F-ino R. Vančurová, poštoficistino, PI, L nur kun fraŭlinoj.

**Písek.** S-ro Ant. Franěk, Pražská 166, L, PI, PM, ĉiam respondos.

**Polička.** S-ro O. Vaněk, UEA-delegito, Polička 156, PI bfl, PM kĉl., L nur kun geoficistoj en ligno-industrio pri teknikaj aferoj, fakaj demandoj.

**Předměřice** (nad Labem). S-ro J. Linka, oficisto, PI bfl kĉl., certe respondos.

**Předměřice** (nad Labem). S-ro A. Hiršl, UEA-del., PM, PI bfl kĉl., certe respondos.

**Radkyně** (n Nové Paky). S-ro J. Machek, lernejestro, PI, L pri seriozaj temoj.

**Tornala** (Slovakio). S-ro Josef Suk, PM kaj moneroj, PI bfl, ilustritaj gazetoj.

**Železnice** (Jičín). S-ro J. Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl. krom Aŭstrio, Germanio.

**Zlechov** (Buchlovice na Moravě). S-ro Josef Kniž, Zlechov č. 124, PM, PI kĉl.

### Franclando.

**Heury-les-Aubrais** (Loiret). S-ro M. Mollon, PM, PI kĉl.

### Germanio.

**Berlin W 10.** S-ro C. Walter, Hohenzollernstr. 11, PI bfl kĉl. krom Germanio, nepre respondas kun novaj flugpoŝtmarkoj.

**Berlinchen** (Nm.) S-ro W. Rühe, rektoro, PM eŭropaj kun seriozaj filatelistoj, sendas samvalore laŭ mankolisto.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro F. Fernandez, prezidanto de „Esperantista Amikeco", str. Sagrera N-ro 229, PI, L kĉl., ankaŭ kun fraŭlinoj, ĉiam respondos.

**Barcelona.** S-ro Manuel Nin, str. Pujadas 119, 2, PK, L kĉl. kun komencantoj.

### Indio Nederlanda.

**Bendorejo.** S-ro W. de Jonge, PM kĉl., serioza interŝanĝo valor-valore Y. kaj T., minimume 75 francaj frankoj. Al kartoj, bagateloj ne respondas.

### Italio.

**Torino 5.** S-ro A. Bernardo, librotenisto, Via Perrero 1, PI kĉl.

**Torino 4.** S-ro J. Cecconi, Via Principi d'Acaja 42 bis, L, PI kĉl.

### Japanio.

**Osaka.** S-ro Masao Fujii, medicin-doktoro, Awaza-Kamidoori II. Nishiku, PI kĉl., nepre respondos.

### Latvio.

**Dagda.** S-ro H. Lidaka, L, PI kĉl. pri ĉiaj temoj.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ plenaĝaj studentoj. Tiuj kiuj konsideras skribadi kvazaŭ punlaboron, kiuj ŝatas nur pritrakti pri veterŝanĝoj, aŭ kiuj havas determinatajn materialajn celojn, ne okupu sin pri tiu ĉi anonceto.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, P. O. B. 1055, PM seriozajn, ne akceptas bagatelojn.

**Rotterdam.** S-ro J. Hornstra, teknika studento, Meineszlaan 60, L kun gejunuloj pri arto, naturo kaj socialismo.

### Oceanio.

**Rabaul** (Nov-Gvineo). La Delegito ne povas respondi al petantoj, kiuj ne plenumas kondiĉojn de UEA-statuto.

### Pollando.

**Katowice.** S-ro W. Soltysek, Mlynska ul. 16, PI kĉl., certe respondos.

### Rumanio.

**Bucuresti.** S-ro V. Ardeleanu, ŝofero, Ŝose Mihail Bravu 258, L kun aŭtokonduk-istoj, PI kĉl.

**Pui** (Hunedoara). S-ro F. Pokanski, studento, PI, PM kĉl., sendu 100—300 PM de via lando, vi ricevos same el mia lando, skribas ankaŭ france, germane, hungare.

### Soveta Respubliko.

**Moskvo.** S-ro A. Prager, Box 605, PK, L kun fotografistoj ĉiulandaj por organizi internacian asocion de fotografistoj, PI bfl.

**Orbeli** (Kaŭkazio). S-ro Pruidze, L, PI kĉl., vegetarismo k. c.

**Sevastopol.** S-ino R. Ŝidlovska, Marksa ul. 60, k. 10, L, PI.

**Sevastopol.** S-ro I. Ŝidlovski, Marksa ul. 60, k. 10, L, PI, ĉiuj temoj krom politikaj.

### Sudslavio.

**Brčko.** S-ro K. Klimek, bankoficisto, kĉl., certe respondos.

**Brčko.** S-ro S. Medunič, studento, L, PI kun gejunuloj.

**Brčko.** S-ro S. Nesrsta, bankoficisto, L, PI kĉl., certe respondos.

**Brčko.** S-ro Ibrahim Omerbašič, kafejisto, L, PI pri socia vivo.

**Komiža.** S-ro A. Mardešič, studento, Komiža 657, kun elektroteknikaj studentoj ĉl.

**Ljubljana.** S-ro O. Avsec, Železnikarjeva 10, L, PI kĉl., precipe kun bulgaroj, nepre respondos.

**Novi Sad.** F-ino M. Keri, komercistino, Vodnikova 21, PI kĉl.

**Sv. Lovrenl** (76 oh.). S-ro J. Domajnko, L, PI kun gejunuloj kĉl.

**Split.** S-ro Rolf Rupčič, UEA-delegito, Palmina 9, petas adresojn de dalmatiaj esperantistoj, eĉ kiuj loĝas eksterlande, korespondas kun orientanoj.

### Usono.

**Los Angeles** (Cal.). S-ro P. Tobi, 1312 West 61 Street, PM nur valorajn kĉl.

**New York.** F-ino N. Berns, 260 82 nd Street, Borough of Brooklyn, PI, PM kun Azio, Afriko, Sud-Ameriko.

---

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

---

**Almanako.** A. Prager, Moskva, U. S. S. R., Box 605, malnova esperantisto (kvazaŭ 28 jaroj), petas ĉiujn pionirojn de esperantismo, sendi adresojn por eldono de Almanako. Fotoportretoj estas petataj.

---

**Bulgara Antologio** — aldono kun dek novaj verkistoj — baldaŭ aperos. Por aĉetintoj de la ĉefparto 1 sv. fr. aŭ egalvaloro. Adreso: I. Krestanoff, ulica 27, julio 8, Varna (Bulgario).

---

**Edziĝo.** Komercisto inteligenta 26-jara serĉas edziĝi je morala fraŭlino aŭ juna vidvino monhavanta, samideanino, por kune fondi propran komercejon. Seriozaj proponoj estu sendataj sub devizo „Feliĉa estonteco" 16075 al Universala Esperanto-Asocio, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

---

**Ekspozicio.** Esperantaĵojn por ekspozicio bonvolu sendi kun propaganda celo; ĉiu sendinto ricevos Gvidlibron tra Bohemaj Banlokoj aŭ PI. Adresu al Esperanto-Grupo, Dampfschiffhotel, Teschen a. E., Ĉeĥoslovakio.

---

**Ekspozicio esperanta.** Esperantista rondo en Czortków aranĝas en oktobro propagandan ekspozicion, ĝi kore petas pri alsendo de ĉiaj esperantaj presaĵoj al S-ro H. Oberländer v. Sternberg, Czortków, Polio.

---

**Filatelistoj!** Interŝanĝoj kun komencantoj kaj mezaj kolektantoj. Vi ricevos la saman kvanton egalvalore. S-ro Ernest Mentha, Croix d'or 23, Genève.

---

**Filatelistoj atentu!** Kiu sendos 3 sv. fr. aŭ 2,50 orm., ricevos rekomendite kun filatelia afranko 200 neuzitajn diversajn germanajn PM. Adreso: P. Hermann, Margaretenstr. 23, Potsdam, Germanio; aŭ al mia poŝtĉekkonto Berlin 64568.

---

**Filatelistoj,** sendu al mi PM, vi ricevos rekompence la estonajn. Inĝeniero Ruus, Valk, Estonio.

---

**Filatelistoj,** sendu 100—200 diversajn PM el via lando, vi ricevos samkvante el Sudslavio. A. Marinovič, urbsekretario, Janjina Dalmacio, SHS.

---

**Gramofon-Diskoj** en Esperanto parolitaj de D-ro Privat. Petu detalojn senpage ĉe la Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1, Anglujo.

---

**Komerca kunlaborado.** Mi serĉas en ĉiu lando, prefere neeŭropaj, korespondistojn por akiro (interŝanĝado) de adresoj, speciale komercistoj (importistoj de ludiloj, lerniloj, vitrajinstrumentoj kaj aliaj hejmindustriaĵoj de Thüringen. Kompenso laŭ interkonsento. Skribu al Bernhard Petz, Coburg, Germanio, Bahnhofstr. 33.

---

**Komerc-oficisto,** 23-jara, en bona pozicio, serĉas laboron plej volonte en negermanaj landoj, bonaj atestoj, parolas germane, esperante, angle, iom france. Ernst Schur, Haakestr. 10, Harburg 7, Germanio.

---

**Modajn jurnalojn** deziras el ĉiuj landoj, laŭdezire sendas egalvaloron, ankaŭ korespondas pri seriozaj temoj. Adreso: F-ino Elsa Koschate, Breslau-Kleintschansch.

---

**Muzeo de Kropotkin** petas donacemulojn sendi al ĝi ĉiajn verkojn, gazetojn, fotojn, en naciaj lingvoj, iel tuŝantajn la vivon kaj laboron de Petro Kropotkin kaj de Mihail Bakunin. Adreso: Muzej Kropotkin, Kropotkin pereulok 26, Moskva.

---

**Okuloj plibonigotaj.** Mi donas konsilojn al personoj kiuj suferas pro malforta vido, pro miopeco, malmiopeco, presbiopeco, astigmatismo, strabeco, glakomo, katarakto, prookula kapdoloro ktp. La kuracado postulas nur facilajn okulekzercojn, sen uzo de okulvitroj. Skribu esperante, angle aŭ germane al: Erwin Preibisch, Thüringenstr. 31, Neukölln, Berlin, Germanio.

---

**Pan-Eŭropa Unio.** Al la okazonta kongreso (3—7 oktobro) nepre tuj sendu motivitan proponon pri la alpreno de Esperanto en la programon de la Unio; skribu angle, france aŭ germane al: Kongresa Komitato de Pan-Eŭropa Unio, Wien I, Hofburg, Aŭstrio.

---

**Roma.** D-ro jur. Bruck, redaktoro ĉe Istituto Internazionale d'Agricultura, Villa Humberto I, Roma, deziras konatiĝi al samideanoj travojaĝontaj Romon kaj volonte estos je ilia dispono. Certa respondo.

---

**Scienca Akademio en Petrogrado** kolektas materialon pri la mondlingvo por enkonduki ĝin en siaj internaciaj rilatoj. Estas do grave, se esperantaj societoj subtenas nian aferon en tiu okazo. Oni sendu seriozajn verkojn en kaj pri nia lingvo al: Akademija Nauk, Leningrad, USSR.

---

**Kun tiu-ĉi numero estas sendataj:**

**N-ro 19 de la Bulteno de l' Internacia Labora Oficejo**

**Mendiloj pri Libroservo de UEA**

**Prospekto pri dentpasto Chlorodont**

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N